# ESPERANTO

**Internacia Revuo, eldonata de la Universala Esperanto - Asocio**

**Fondinto : H. Hodler.** †
**Redaktoro : Robert Kreuz, L.K.**

**Redakcio : I, Tour de l'Ile,**
**GENÈVE, Svislando**


# ROMO

## Placo de St. Petro

kun la Vatikano

*Ĉiu partoprenonto al la Universala Kongreso de Esperanto en 1935 povos vidi ĉi tiun imponan placon en realeco.*

*Aliĝu al la Dudeksepa !*

**ENHAVO :**






**31-a Jaro N° 413**

**JANUARO 1935**

# Universala Esperanto-Asocio



Centra Oficejo :
1, Tour de l'Ile, GENÈVE. Svisl.

## Oficiala Informilo

27-a Administra jaro 1934/5 :
N-ro 3 — Januaro 1935

*Ĉefdelegiteco Ĉeĥoslovakio.* — Pro principaj konsideroj nia ĝisnuna, multmerita ĉefdelegito, S-ro O. Sklenĉka en Hradec-Kralové rezignis pri sia funkcio por la 31 decembro 1934. Ĝis elekto de nova ĉefdelegito, S-ro Hans Klinger, vic-ĉefdel., en Bodenbach anstataŭas lin en liaj laŭstatutaj funkcioj. Pri ĉiuj novaj aferoj oni devas sin turni al li. Por faciligi la rilatojn kun ni, la *Ĉeĥoslovaka Asocio Esperantista* kaj la *Germana Esp. Ligo en Ĉeĥoslovakio* afable deklaris sin pretaj, akcepti kaj peradi aliĝojn al nia asocio ĝis refunkcio de la teritoria oficejo.

*Ĉefdelegiteco Nederlando.* — La Nederl. Esp. Societo «LEEN», landa organizo, aliĝinta al UEA laŭ la Interkonsento de Kolonjo, konforme al § 30 de la Statuto de UEA, nomis novan ĉefdelegiton en la persono de S-ro Prof. P. H. Mooy, Teunisbloemlaang, s'Gravenhage.

La prezidanto de UEA, konforme al la sama paragrafo, donis sian necesan konsenton kun dankesprimo al S-ro J. Telling, kies ĝisnuna funkciado kiel ĉefdelegito, ĉesas per tio. Ĉiuj aferoj, aliĝoj, pagoj a.s. do estas de nun direktotaj al S-ro Prof. Mooy.

Pagoj el Nederlando. — Personoj, kiuj deziras pagi sian kotizon sen perado, povas tion fari rekte al la poŝtĉeka konto de UEA, Nº 1457 10 s'Gravenhage.

Livero de « Esperanto ». — Ĉi tiu numero estas la lasta, liverata al MA aŭ abonantoj en 1934. Por daŭrigo repago estas necesa.

## Adresaro : Novaj lokoj kun Delegitoj

**Ĉeĥoslovakio**

*Zdanice.* — D : Pavel Krupicka, Instruisto, Odbomy Ucitel.

**Francujo**

*Aubervilliers.* — D : Victor Rousselin, Mekanikisto, 88, rue de la Goutte d'or.

### EKSIĜOJ & FORSTREKOJ :

*Britujo:* Sevenoaks.
*Ĉeĥoslovakio:* Buda ; Darkov ; Damboriĉe ; Desna ; Hohenstein ; Jungbuch ; Kriesdorf ; Skalice ; Muglinov ; Neu-Wernsdorf ; Nydek ; Rájecké ; Sedliĉna ; Teplice ; Starkoĉ.
*Francujo:* Le Puy-en-Velay.
*Germanujo:* Flensburg ; Hof a. Saale ; Horrem ; Rummelsberg ; Starnberg a-S. ; Würzen.
*Hispanujo:* Santa Coloma de Farnes.
*Nederlando:* Purmerend.

Ĝenevo, 20 januaro 1935.

Robert KREUZ, Direktoro.

### MALOFTA OKAZO !

Plenan kompleton de la ilustrita gazeto **«La Ondo de Esperanto»** (1909-1917 = 9 jarkolektoj) oni povas aĉeti aŭ interŝanĝi. La gazeto enhavas multe da interesa legaĵo kaj historia materialo por tiu periodo, i.a. multajn portretojn de esp. aktivuloj.

La ofertojn adresu :
*USSR, Moskvo-Centro, Poŝtkesto 994, Al Esperantano.*

## INTERNACIA KORESPONDADO

Tri vortoj kostas sv. Frk. 0,30 (= 1 respondkupono). La nombro da vortoj ne estas limigita. Ĉiu el la mallongigoj, malsupre indikitaj, valoras unu vorton.

*Abonantoj rajtas unufoje en la jaro publikigi en "ESPERANTO" senpage anonceton pri korespondado, enhavantan ĝis 10 vortoj. Pluaj vortoj estas pagotaj — — — laŭ la supra tarifo. — — —*

La anoncintoj havas la moralan devon respondi almenaŭ unu fojon al ĉiu sekve de la anonco ricevita korespondaĵo.

**Mallongigoj :**

*bfl.:* poŝtmarko sur la bildflanko.
*c.r.:* certe respondos.
*dez.:* deziras.
*f-ino:* fraŭlino.
*gaz.:* gazeto.
*intŝ.:* interŝanĝo.
*k.ĉ.l.:* kun ĉiuj landoj.
*kor.:* korespondi.
*L.:* Letero.
*p.ĉ.t.:* pri ĉiu temo.
*PI:* poŝtkarto ilustrita.
*PK:* poŝtkarto.
*PM:* poŝtmarko.
*s-ino:* sinjorino.
*sro:* sinjoro.




*Ivry-sur-Seine* (Francujo).
S-ro L. Buisson, 15 Colonie Alexandre PM., kĉl. Anonceto ĉiam valida.

*Balkány* (Hungarujo).
F-ino Maria Ihasz, deknaŭjara filino de la delegito PI., L. kun sudeŭropanoj kaj ekstereŭropanoj. C.r.

*Rakospalol* (Hungarujo).
S-ro E. Fukasz, Bocskay-u 58 nur PM., k.ĉ.l. 100-200 PM. kontraŭ sama kvanto. C.r.

*Strängnäs* (Svedjuo).
Adr. Helmer Ahmén. Esperantokursanoj en Strängnäs deziras interkorespondadon kun PI., k. ĉ.l., c.r.

*Gifhorn* (Germanujo).
S-ro W. Schulze, Lüneburgerstr. 5 kor. k.ĉ.l. pri Pangea, teknokratio, kosmopolitismo, mondlingvo.

*Alslev, Karise* (Danujo).
Poul Andreassen dez. k.ĉ.l. kor. pri terkulturaj temoj, intŝ. semojn de plantoj kaj terkulturajn bildojn. C.r.

*Pasing-München* (Germanujo).
Johann Wagner, Planeggerstr. 14/1a 1.k. pri Bahismo, instruas Interstenon k.t.p.

*Hodonin* (Ĉeĥoslovakio).
S-ro Ludvik Irŝik, Vystavni 24, PI., bfl., fotajoj, PM., k.ĉ.l., c.r.

*Milano* 133 (Italujo)
S-ro Tanzi Giovanni, Via Bronzetti 38 dez. intŝ. bonajn P.M.

*Szentes* (Hungarujo).
S-ro Miklos Czilczer, Szondy-u.1. Filatelistoj atentu ! Sendu al mi 100-500 PM., el via lando por samkvantaj hungaraj.

*Budapest* (Hungarujo).
P. Balkanyi, 507 Creditbank, serĉas skoltkorespondantojn por hungaraj junuloj.

*S-Gravenhage* (Nederlando).
Frits Belifante, Banstraat, 22, kolektas interŝanĝas unuopajn Esp-ŝlosilojn.

S-ro Eschenbrenner, rue Dorée, Sablé *Sarthe* (Francujo).
Serĉas korespondantojn per P.K., por esperantistaj gelernantoj.

*Vinkovci* (Jugoslavujo).
Filipcic Miroslav, Zvonimirova ul. 1 deziras interŝanĝi PM., kun eŭropaj landoj. Bazo Yvert, Michel aŭ Senf. Respondo garantiata. Validas ĉiam.

*Gospic* (Jugoslavujo).
S-ro Juraj Vukŝiniĉ interŝanĝas PM., Michel, aŭ 100 por 100, nur *eŭropajn.* Ne sendas unue, certe respondas.

*Nekatolikoj* kiuj deziras informojn pri la katolika kredo senpage povas ricevi ilin de Fr. M. Monulfus, sekretario de la Internacia Katolika Informejo. 's-Hertogenbosch, Nederlando.

# NOVA CELO — NOVA SPIRITO !

La Universala Esperanto-Asocio havas unusolan celon : rekonigi la helplingvon Esperanto en ĉiuj landoj de l'mondo.

Por atingo de tiu ĉi celo oni devas uzi ĉiujn iel aplikeblajn rimedojn. Ĉiu volo kaj klopodo, de la direktantaro ĝis la lasta membro devas esti direktata al atingo de la nomita celo. Ĉiu devas ekskluzive fari siajn decidojn laŭ tio, ĉu ili kondukas al la celo, aŭ ne.

Ĉu oni ne devus kredi, ke la esperantistoj, kiuj volas fari al la mondo tiel mirindan donacon, estas akceptataj per malfermitaj brakoj ? Oni devas kredi tion. Ĝusta estas la malo ! Ni devos fari batalon universalan, tiel rilate la etendiĝon de l'batalkampo, kiel rilate la multecon de kontraŭuloj, kia simila eble estis farita tre malofte en la mondhistorio : Kontraŭegas nin ĉiuj spiritaj kaj materiaj potencoj de nia epoko, la unuj, ĉar ili kredas defendi kulturinteresojn, la aliaj pro politikaj, naciaj konsideroj ; tria grupo pro personaj interesoj, kvara grupo pro nete materiaj profitoj, kvina, kaj en vero, ne la plej malofta grupo, nome la komfortemuloj, la maldiligentuloj kaj la malsaĝuloj. Laŭ tiu ĉi kolosa kontraŭeco ni plej bone povas mezuri la grandecon de nia ideo, ĝian kulturan signifon kaj ĝiajn renversigajn sekvojn por la tuta spirita kaj materia vivo de l'mondo.

Nia signalvorto do devas esti : batalo ! ! La unua premiso por sukcese farota batalo estas bonaj batalantoj. Kiajn kvalitojn devas havi bona batalanto ?

Antaŭ ĉio li devas montri oferemon, poste disciplinon kaj subordiĝemon, fine kuraĝon. Kiel gvidantojn ni devas havi batalantojn, kiuj posedas tiujn ĉi ecojn. Ĉiuj aliaj estas por ni senvalora balasto, kiu povas eble nun malhelpi nin, sed neniam nin progresigi.

Ni devas lerni el la eraroj de la pasinteco. Preskaŭ 50 jarojn ni batalas por nia granda celo kaj ankoraŭ ĉiam ĝi estas en konsiderinda malproksimeco. Kio estas la kaŭzo ? Mi ofte aŭdis el la vortoj de l'esperanto-gvidantoj la amare pikan rimarkon : la esperantistoj estas brutaro, kiu ne estas kondukebla. Neniam oni eldiris pli grandan malveron por kaŝi la propran malkapablecon. La mankoj ĝis nun ne estis tiuj de la esperantistoj, sed de la gvidado. Kion signifas gvidi ? Gvidi ne signifas konstante admoni, daŭre senkulpiĝi, ĉiam labori returne, ade foruzi kapitalon sen videbla sukceso. Gvidi signifas : serĉi kunbatalantojn de kvalitoj egalaj al tiuj de gvidanto. Gvidi signifas : meti la ĝustajn homojn al la ĝusta loko. Gvidi signifas : ordoni kaj antaŭiri per propra ekzemplo.

Gvidantoj, havantaj tiujn ĉi kvalitojn, ĉiam havos malantaŭ si disciplinan postsekveman amason, kun kiu ili povas riski kiun ajn batalon.

Kio estas la kaŭzo, ke elementoj povis atingi influhavan postenon en la movado, kiuj poste, pro postulita ofero de 1 aŭ 2 svisaj frankoj po jaro, kapablas fari kelkhorajn paroladojn, kiuj ŝajnigas sin pledanto de l'malriĉulo kaj vere ne havas alian celon ol kontentigi sian propran ambicion ? Vidalvide al tia grandioza celo oni marĉandas pro centimoj, pro bagatelo por la individuo kaj tamen gravegaj sumoj por la bataldirektado. Plej malgrandanima marĉandado enkondukiĝis de plej supere ĝis la lasta grupo. Oni laŭte diskonigas en la mondon, ke en Kolonjo oni sukcesis premi la kotizon de membro simpla ĝis 50 svisaj centimoj. La proponintoj de ĉi tiu reformo ne atentis, ke per tio oni preskaŭ distranĉas la viv-nervon de nia tuta movado. Kaj la gvidantoj lasis sin gvidi kaj konsentis al decido, kiu endanĝerigas la tuton. Ĉiu gvidantaro havas la sekvantaron, kiun ĝi meritas.

Ni estas batalanta organizacio. Kaj ĉiu, kiu aliĝas al ni, devas esti penetrita de tiu ĉi penso. Batali signifas : fari oferojn. Batali signifas : subordiĝi al la granda celo de l'batalo. Batali signifas : esti malegoisma. Ankoraŭ ĉiam estas decida la kvalito de batalantoj, kaj ne la kvanto. Tiel estis kaj restos ĉiam.

Nur veraj batalantoj devas esti vokataj al gvida posteno en la esperantistaro, eĉ se temas nur pri la malplej grava, tiu de grupestro. Devas esti honoro, povi gvidi la esperantistaron kaj por la gviditoj devas esti ĝojo, havi gvidanton, plenumantan siajn devojn ĝis la plejlasta punkto. For ĉiujn, kies origina entuziasmo montriĝis nur kiel pajloflamo ! For ĉiujn, kiuj volonte prenas sur sin la honorigan oficon, sed ne volonte ties ŝarĝon ! Kiom utilas al ni du mil delegitoj en la mondo, se nur parto el ili fakte laboras. Tiu ĉi parto ne povas rebonigi tion, kion malbonigas tiuj, kiuj, forgesis sian devon. Senindulge ni devas selekti. Tiam forlasu nin tiuj malmultaj, ne havantaj komprenon pri tio. Tio ne estos perdo. Miloj da personoj aliĝos al nia movado, kiujn ĝis nun retenis la ludema kaj nebatalema tendenco de nia movado kaj ili estos por ni milobla kompenso por tiuj aliaj.

Se ni post la ŝangoj en Stokholmo deziras eniri en novan fazon de nia movado, nov-orientado de la tuta esperantistaro devas okazi. Ni devas prepari batalantaron, kiu estas garantio por tio, ke ĉiu ofero je mono kaj tempo, farata de iu por la movado, estas taŭge uzata por la atingo de l'unuanura, granda celo ; doni al la popoloj de l'mondo la internacian helplingvon, tiun helpilon, kiu pliriĉigas la mondan kulturon en grado ne ofte konstatata en nia kulturepoko.

D-ro. A. Vogt,
Estrarano kaj vicprezidanto de UEA



**Ĉi tiu estas la lasta numero de „ Esperanto ", liverata al la M.A kaj abonantoj en 1934. Por daŭrigo tuja repago estas necesa.**

# NE UNU - DU PROBLEMOJ

(Pri « Nia Misio » de Lidja Zamenhof en la pasinta numero)

Ambaŭmane mi subskribas la karakterizon de la nuna malĝojiga kaj danĝera spirita kaj anima stato de la homaro, desegnitan sur ĉi tiuj kolonoj de la alte ŝatata samideanino. Alia estas mia rilato al la vojo, rekomendita por atingi la ŝanĝon, al kiu ni sopiras. Ni ne faru la deziron patro de la penso. Ni — male — penu helpi al la penso estri la deziron kaj malpermesi al ĝi blindiĝi aŭ trompi nin.

Neniu dubas pri la kolosa interliga kaj proksimiga forto de komuna lingvo. Ni evitu tamen troigon. En ĉiu nacio ekzistas bonvolaj kaj talentaj homoj, kiuj batalas por la paco. Ili parolas kaj skribas en gepatra lingvo, certe ne malpli forte tuŝanta la korojn kaj ne malpli efike influanta la spiritojn ol Esperanto. Ĉu ili sukcesas konverti al pacifismo la militaristojn — samlingvajn kaj samnaciajn ?

La aŭtorino deklaras, ke ankaŭ niaj propraj vicoj enhavas ŝovinistojn kaj naciistojn. La lingvo do ne kapablis forigi, nuligi tiun fenomenon. En Bulonjo la atmosfero ja estis tute frateca, tute amoplena. Tamen ni ne scias, ĉu la lingvo faris la ĉeestantojn pacifistoj, aŭ ĉu la ĉeestantoj ĉeestis tie, ĉar ili jam estis antaŭe pacifistoj.

Dum sia tuta vivo la homaro timas la militon, sopiras al paco. La mizeraj rezultoj de la ĝisnuna koncerna miljara penado konvinke atestas la gravecon de la problemo kaj la malfacilecon de ĝia solvo. Ĉu ne estus do naive kredi, ke ni povas solvi ĝin survoje, laborante por alia problemo ? Ke la enkonduko de nia lingvo estas ne tro facila tasko — tion montras nia preskaŭ duoncentjara sperto. Ni do prudente ne kunligu tiujn du gigantajn problemojn.

Esperanto povas iĝi potenca instrumento por internacia propagando ĉiuspeca, do ankaŭ por propagando pri paco. Ni ne pretervidu tamen, ke ankaŭ per si mem nia lingvo havas nepriskribeblan valoron. La popoloj nepre bezonas komunan lingvon. Ne gravas, ke ili ankoraŭ ne konscias pri tio : homoj ofte ne konscias, kio estas necesa por ili. Kompatu la mutulon, lernigu lin paroli, ne demandante antaŭe, por kio li aplikos la parolkapablon. Nur poste vi penos igi lin adepto de via mondkoncepto.

La unua homa dokumento, parolanta pri la malutilo de lingva malsameco, la biblia rakonto pri la babela turo, ilustras tion per tute praktika afero. La homoj, havantaj arogantan intencon, sciiĝi pri la vivo en la ĉielo, estis — pro subita malsameciĝo de la lingvo — devigitaj interrompi ne finita la fieran konstruon.

Ni forigu la malfeliĉon, kiu dum jarmiloj turmentas la homaron kaj malhelpas ĝian konstruan laboron. Tiam estos facile starigi turon, kiu lumos al la tuta mondo kaj kiu servos al la popoloj kiel punkto centriga, unuiga kaj paciga. Vivu Esperanto !

M. Movo (Parizo).

---

## Planlingvo kaj Tekniko Komunikada

*De inĝ.* E. F. Petritsch,
Profesoro en la Teknika Alt-lernejo de Vieno.

La problemo enkonduki internacian helpan lingvon povas esti esplorata kaj rigardata de plej diversaj vidpunktoj. Permesu al mi prezenti la konkludojn, al kiuj mi venas, rigardante ĝin de la vidpunkto de tiu universitata katedro, kies kulturado estas komisiita al mi. Mia fako estas la tekniko de la elektra tele-komunikado.

Tiu mia fako, enkondukante la Morse-signalojn, donacis al la homaro internacian alfabeton, kiun ĉiu lingvo povas uzi kiel veston por la ideoj komunikendaj. Enkondukante la telegrafan kodon mia fako starigis konvencian lingvon, kiu validas tutmonde.

Mia fako kreis la teknikajn rimedojn, kiuj ebligas, transporti la lingvo-sonojn en skribo litera, en tipopreso, trans la oceanojn kaj ĉirkaŭ la terglobon. Al la lingvo, kies heredita sondistanco estas nur malgranda, ĝi donis atingopovon sen limoj ; ne ekzistas plu loko sur la tero, kun kiu rekte interparoli ne estus eble. Ne ekzistas komunik-formoj interhomaj — ĉu vortoj,signoj, bildoj aŭ sonoj —, kiujn la tekniko ne povus transporti ĝis ie ajn aŭ reprodukti en maniero perfekta.

Tamen la teknikaj rimedoj ne sufiĉas por la interkompreno, se oni ne komprenas la komunikojn transdonitajn. Tiu komprenado estas ebla nur sur la bazo de specifaj lingvoscioj ; estas ili, kiuj peras la komprenon de la ideoj transdonitaj. Lingvoscioj do estas la premiso por utiligi la komunik-rimedojn kreitajn de la tekniko komunikada. Tiujn rimedojn oni ne kreis penege nur por la celo pruvi la lertecon de la tekniko ; ili estas intencitaj helpi la homojn, la apartajn kaj la tutan socion. Tial la tekniko de la elektra komunikado devas okupi sin ankaŭ pri la premiso por la utiligo de la komunikrimedoj de ĝi kreitaj ; do pri la lingvo, kaj pri ĝia konsisto, malsama ĉe la diversaj nacioj.

Pasis nun jam pli ol 50 (kvindek) jaroj, de kiam forta inventista agado komenciĝis en la kampo lingva. Fiksante terminojn por ideoj ekzistantaj kaj nove enkondukendaj oni provis, krei terminsistemojn frazokapablajn, t.e. (tio estas) taŭgajn por formi kompletajn frazojn ; oni provis ekuzi tiujn terminsistemojn por interkompreno inter diverslingvaj nacioj, sammaniere kiel la lingvojn nature kreskintajn. Ĉiu elpenso estas bazita sur eltrovo, ankaŭ la lingvoelpensado : Oni estis eltrovinta, ke la nocioj kaj la nocisistemoj de la diversaj lingvoj intersimilas sin. Ĉiu eltrovo kuntrenas tutan aron da elpensoj, ankaŭ la eltrovo pri la simileco de la noci-sistemoj : Oni faris ĉirkaŭ 500 (kvincent) proponojn pri artefaritaj lingvoj (planlingvoj) enkondukendaj. Por ĉiu elpenso ekzistas nur unu vojo, por provi la uzeblon: fari eksperimentojn.

Laŭ la spertoj ĝis nun faritaj pri la planlingvoj, nur malmultaj el ĉiuj projektoj estas konsiderablaj. Inter ili la unuan lokon okupas Esperanto. Ne nur pro la granda disvastiĝo, kiun ĝi trovis. Tiu disvastiĝo certe estas valora, ĉar ĝi donas larĝan bazon por prijuĝi la taŭgecon. Sed speciale taŭga Esperanto ŝajnas al mi pro alia cirkonstanco : La termin-sistemo de Esperanto tre adaptiĝas al la lingvonormigo, kiun nun sukcese ekpraktikas la teknikistoj.

La afero estas la jena : La disvastiĝo de la tekniko rezultigis la enkondukon de amasego da novaj nocioj, oni taksas ilin je 70.000. Por eviti miskomprenojn, dusencaĵojn kaj konfuzan tro-abundon de esprimoj oni devis respondigi al tiuj nocioj unusencajn terminojn ; oni fiksis, ke de nun sole tiuj elektitaj terminoj estu uzataj. Jen kion oni nomas lingvonormigo.

La lingvonormigo funkcias simile kiel la disvolvado de Esperanto : Terminologiaj komitatoj de spertuloj faras elekton inter la vorto-formoj ekzistantaj, aŭ ili kreas novajn. Tiu normigo koncernas precipe la naciajn lingvojn. Sed ankaŭ internaciaj termin-normoj estis fiksataj, ekzemple

la telegrafa alfabeto jam menciita, la telegrafa kodo, normoj pri mezuroj, internaciaj sonformoj kiel volto, ampero ktp., kaj fine internaciaj simboloj kaj signaloj, ekzemple la danĝersignalo SOS. Ni do vidas, rilate al la normigo de nocioj kaj al la kreado de noci-sistemoj, viglan aktivecon, nacian kaj internacian. Nu, la tasko, kiun plenumas Esperanto, estas esence la sama.

Ŝajnas do, ke tiu planlingvo : unuflanke enkreskas organe en la tutan evolucion de la homa lingvo, aliflanke fekundigas kaj plivastigas ĝin. Kiel ajn la estonteco superpontos la lingvodiversecon, — neniam estos vana la kontribuaĵo de Esperanto.

En la komenco mi jam atentigis, kiel multege la sukcesoj de la elektra komunikado transformis la kondiĉojn de la homa ekzistado. Fervojoj kaj ŝipoj, aviado kaj aŭtomobiloj siaflanke kontribuis vigligi la rilatojn inter la nacioj. Ĉio tendencas al normigo de la lingvo uzenda en la internacia trafiko. Ĉiu socio ricevas sian kuntenon per lingvo iugrade komuna. Se ni volas solidarecon, socion tutmondajn, ni devas akceli vivantan lingvon tutmondan, helpan. Voli la solidarecon tutmondan ni devas, ĉar ĝi apartenas al la taskoj moralaj kaj religiaj, kiuj estas surmetitaj al la homaro sur la tero

Jam pli frue mi diris : La sola vojo por provi inventon, estas eksperimentoj. Ĉiu provo estas risko, forsalto en la sferon de l'Necerto, palpado en mallumo. Ĝi postulas kuraĝon, sindonon, persiston kaj memdisciplinon ; ĝi postulas oferemon, paciencon kaj en ĉio kaj super ĉio amon al Dio kaj al la homoj. La perspektivoj, kiujn malfermas la enkonduko de internacia helpa lingvo estas tiom universe-vastaj, ke ilia realigo bezonas tempon. Ni memoru, ke ne sufiĉas propagandi Esperanton. Necesas kulturi kaj poluri Esperanton mem kaj gardi severan disciplinon en ĝia uzado.

Nur se ni daŭrigos laŭ tiu spirito, se ni kapablos, tute penetriĝi de la grandeco de la tasko surmetita sur nin kaj tute fordoni nin al ĝi, ni povas esperi benon de supre kaj tiamaniere sukceson daŭran.

---

# La Problemo de Tutmonda Malarmado

III

## ĜENERALA MALRIĈIĜO KONDUKAS AL NOVA MILITO

De ĉiam la ekonomia vivo estis akompanita, precipe en siaj evoluciaj epokoj, per pli aŭ malpli granda malfido, kiun ni nomas « krizo » ! Ĉi-tiu aperas ankaŭ hodiaŭ kiel ia tremo, kiu senteble haltigas komunan agadon. Kaj tiun ĉi krizon nur pligrandigas *unudirektigo* en eluzado de kapitalforto — por armado ! Ĉar ĝuste pro tiu ĉi unudirektigo estas ebla altiro de nur malmultaj specoj da laborfortoj, memkompreneble je la malutilo de aliaj laborfortoj. Tiu ĉi unudirektigo postulas nur mallarĝan rondon da specialigitaj fortoj kaj proporcie nur malmulte da specoj de materialo. Ĉi amasigas kapitalon je granda risko, do je altaj rentumoj, kiuj ne harmonias kun la alia mastrumado. Por ke la absurdo estu ankoraŭ pli granda, oni postulas por ĉio tio la aprobon de la monda publika opinio. Kie tio ne estas atingebla rekte, oni kaŝe tion faras sub alia flago.

Kaj la konsekvencoj de tia unulinia direktigo de ekonomia agado absorbanta la plej multe da produktigaj fortoj, estas ĝenerala malriĉiĝo. Mastrumado komencas disvastiĝi en produktiga kaj neproduktiga formoj. El tio sekvas, ne konsiderante la interrilatojn de l' ŝtatoj, premo al la neproduktiga mastrumado. Ĉi tiu fakte komencas esti necesa — evidente nur por certigo de l' armado ! Fine ĉio tio transformiĝas en plutokration de armado, al kiu devas servi la cetera mastrumado.

Do estas tute kompreneble, ke tia unudirektigo nepre eliminas la harmonion. La rezultanta disharmonio kreas nur kunfrotiĝon kaj senlaborecon : Sekve de la armado hodiaŭ miloj da fabrikoj stagnacias. La perdo sumiĝas ĉiutage je milionoj da laborfortoj !

La danĝero kuŝas tial antaŭ ĉio en la senlaboreco, kaj la senlaboreco de la amaso kondukas al danĝera psikozo, kiun oni povas bridi nur per plej singardaj ordonoj. Ofte tiuj ordonoj estas ŝajne nekonvenaj, por ke ni ne diru, tro severaj. Spite al tio, ili estas necesaj, se oni ne volas riski, ke tiu ĉi psikozo transformiĝu en panikon !

La popolo malgraŭ tio malriĉiĝas... Feliĉe, ke la plejmulto estas ankoraŭ sufiĉe konservativa. La popolo nome ankoraŭ kredas, ke la ekonomie jura ordo en ĝia ŝtato ne povas ŝanĝiĝi. Ĝi estas konvinkita, ke ne ĝi kulpas pro la malriĉiĝo, sed, ke la kulpo estas ie ekstere. Tiel la materia malriĉiĝo havas kiel konsekvencon la psikan kaj moralan mizerojn. Kaj tia transiro el materia bono en mizeron montriĝas al ni unue *en plena apatio rilate al la ekstera vivo* ! La homoj perdas la intereson pri la ekstera vivo pro tio, ĉar tia vivo estas forprenata al ili pro mizero. La tuta progreso preteriras ilin, dum ili staras flanke kaj rigardas...

En la ĉiam pli grandiĝanta mizero progresas la kulturo tute unuflanke ; ĝi direktiĝas en materian flankon, kiu des pli aperadas sur la supraĵo, ju pli granda estas la komuna mizero. Tiu ĉi kontrasto vekas en la malriĉiĝita amaso senton pri nenieco maljusta kaj insidon ĉe la konsumado de mondaj bonaĵoj. Detenita per sia malriĉiĝo de ĉiu vera anima vivo kaj rigardo, la mizero direktas la homojn al unu sola demando : *Kiel perei* ! Sed la — vere fatala — nepovo eltiri sin el tiu ĉi stato, naskas en la amaso la konvinkon, ke estas necese kontraŭagi kaj cetere agi urĝe...

Tute klare estas, ke tia anima stato rapide kondukas al ŝanĝoj en la morala pensado de l' malriĉiĝita homaro. La mizero naskas blindecon, koleron kaj malamon ; ĝi eliminas la sobran menson kaj la altideajn principojn kaj ĝi malfermadas larĝe la pordon al ribelo ! Tial la homa societo serĉas elirvojon, ĉu per la familio, nacio aŭ ŝtato. Kaj samtempe ĝi kulpigas aliajn. Ĝuste tiamaniere naskiĝas malamo, tiu plej granda detruanto de homa moralo. Tiun ĉi kulpon estas necese forigi kiel eble plej frue kaj je ĉia prezo, eĉ riskante militon. Timo pri milito eliminiĝas per la mizero mem. Sed la milito estos ja savonto de ĉiu malbonaĵo ! Milito satigas la mizeron ; ĝi liberigas instinktojn, mastro kaj gvidanto de mizeruloj estas rekte la instinkto. Sed la instinkto ne estas antaŭvida : Ĝi ne vidas, ke la milito denove nur signifas perdon por la mizerulo !... Mizero kaj malsato ne foriĝas per atendado...

Ĉu ne estus ĉiumaniere pli necesa rapide agi anstataŭ senfrukte disputadi ? La voko pri pano fariĝas ĉiam pli forta rekanto de la melodio, kies fortisima fino logike povas esti nur la milito !!

J.K. Belltyn.

# Esperanto-instruado en la lernejo

*La sekretario de la Sveda Esperanto-Federacio elsendis en marto 1933 cirkuleron pri la instruado de Esperanto en la lernejoj de la diversaj landoj en Eŭropo. Por ricevi absolute fidindajn kaj atestitajn informojn oni speciale akcentis, ke ĉiu raporto de ĉiu lernejo estu nepre atestita de la rilata inspektoro, rektoro aŭ supera instruisto (por esti konsiderata en la statistiko). Tiel ankaŭ okazis rilate al ĉiuj landoj krom Germanujo, de kie la informoj eliris de la oficiala Germana Esperanto-Instituto en Leipzig.*

*La sekvanta materialo ne pretendas esti kompleta. Sed la kolektitaj informoj devas tamen esti konsiderataj tre interesaj.*

---

### Anglujo.

(Rilatas la studjaron 1932-1933).

*A. Popollernejoj.*

| *Urboj, Nomo de l'lernejo* | *Nombro da lernantoj* | *Aĝo* | *Horoj semajne* | *Rimarkoj* |
|---|---|---|---|---|
| Ashford, South Central Boys' School ...... | 16 | 11-13 | 1 ½ | Ekster la skemo |
| Chesterfield, Central Girls' Senior School | 120 | 11-14 | 1¾ | Devige |
| Croydon, Davidson School ........... | 8 | 13-14 | 1 ½ | Ekster la skemo |
| Eastbourne, Cavendish Senior School .... | 30 | — | 1 ½ | Ekster la skemo |
| Ellesmere Port. William Stockton Modern Boys' School .. | 175 | 11-14 | 1 ½ | Devige |
| Leeds, Northote Girls' School Armley .... | 24 | 8-12 | 1 ½ | Privata lernejo, devige |
| Leeds, Burley Lawn Girls' School ...... | 15 | 13 | 1 ½ | Ne devige sed permesate |
| Mansfield, Pleasley Hill Senior School ..... | 24 | — | — | Elekteble |
| P... (Nomo por la momento ne publikigebla) ........... | 43 | 12-13 | 1 | Elekteble |
| Romford, Salisbury Road School ...... | 34 | 10-13 | 1 | Devige |
| W..., Surrey. Junior Council School .... | 61 | 11 | 1 | Devige |
| Worcester, St. Paul's Boys' School ...... | 30 | 12-14 | 2 | Devige |

*B. Gimnazioj.*

| | | | | |
|---|---|---|---|---|
| Bishop Auckland Girls County School..... | 57 | 11 | 3 | Devige kiel ĝenerala lingvostudo prepare al la germana kaj franca |
| Bishop Auckland King James I Grammar School ........... | 12 | 16 | 40 min. | Mallongaj kursoj eksperimente |
| Bournville. Girls' Day Continuation School | 30 | 16-18 | 1 ½ | Devige |
| Brighton. Varndean School for Boys ... | 28 | 13-15 | 1 | Elekteble |
| Crawley. Milton Mount College ........... | 12 | 15-18 | 1 | Ekster la skemo |
| F... (Nomo momente ne publikigebla) ... | 30 | 16 | 3 | Eksperimente |
| Keigley. Drake and Tonson's Girls' School ........... | 30 | 10 | 1 | Ekster la skemo |
| Saffron Walden. Friends School ..... | 12 | 14-17 | 1¼ | Ekster la skemo |
| Sedbergh. Public School ........... | 5 | — | — | Ekster la skemo |
| Shipley. Selective Central School ....... | 20 | 13-14 | 3 | Eksperimente |
| Sibford' Ferris. Friends' School (Quaker-lernejo) ... | 80 | 10-13 | 1,40 | Devige, malpli junaj |
| | | | 2,40 | Devige pli junaj |
| Wigan. Grammar School ........... | 23 | 10 | 2,40 | Helpe por la ĝenerala lingvostudo |

### Estonujo.

| *Urbo* | *Lernejo* | *Studjaro* | *Nombro da lernantoj* | *Horoj semajne* |
|---|---|---|---|---|
| Tallinn ...... | Linna Algkool ...... | 1931 | 32 | 2 |
| » ...... | » » ...... | 1932 | 30 | 2 |
| Saadjärve ... | 6a klaso, popollernejo | 1931-32 | 34 | 2 |
| » .... | » | 1932-33 | 34 | 2 |
| Jälgimäe ..... | » | 1931-32 | 8 | 2 |
| » ..... | » | 1932-33 | 11 | 2 |
| » ..... | » | 1933 | 23 | 4 • |
| Tartu........ | Metia lernejo ....... | 1931-32 | — | 2 |
| » ........ | » » ....... | 1932-33 | — | 2 |
| » ........ | Lernejo por metio kaj komerco ........... | 1931-32 | — | — |
| » ........ | » | 1932-33 | — | — |
| » ........ | Metia lernejo ....... | 1932-33 | 70 | — |
| » ........ | » » ....... | 1932-33 | 45 | — |
| » ........ | Lernejo por metio kaj komerco ........... | 1931-32 | 40 | — |
| » ........ | » | 1932-33 | 43 | — |
| » ........ | Gimnazio por knabinoj ............... | 1931-32 | 35 | — |
| » ........ | Vespera lernejo ..... | 1931-32 | 74 | — |
| » ........ | » » ..... | 1932-33 | 63 | — |
| » ........ | Liceo por knaboj.... | 1932-33 | 65 | — |
| » ........ | Gimnazio de Treffner | 1932-33 | 56 | — |
| » ........ | 15a popollernejo ..... | 1931-32 | 40 | — |
| » ........ | 6a » ..... | 1932-33 | 30 | — |
| Torva ....... | Liceo ............. | 1932-33 | 20 | 1 |
| » ....... | Elementa lernejo .... | 1931-32 | 28 | 1 |
| Tallinn ...... | 12a popollernejo ..... | 1932-32 | 37 | — |
| Turi ........ | Liceo ............. | 1932-33 | 15 | — |

### Francujo.

| | | | | |
|---|---|---|---|---|
| Montceau-les-Mines....... | Gimnazio ........... | 1932 | 50 | 2 |
| Paris ........ | Komerca gimnazio ... | — | — | — |
| » ........ | » » (virina) | — | — | — |
| » ........ | Gimnazio .......... | — | — | — |
| Calais ....... | Liceo por knabinoj... | — | 15 | 1 |
| » ....... | » » knaboj .... | — | 20 | 1 |
| Nice ........ | Supera sem. instruista | — | 10 | 1 |
| Grenoble ..... | » » » | — | — | — |
| Lyon ........ | Metia lern. de Martinière ............. | 1925-33 | devige | |
| Annecy ...... | Liceo ............. | — | — | — |
| Versailles .... | » ............. | — | — | — |
| Saint-Omer... | » ............. | 1933 | 15 | 1 |
| Roanne ...... | » ............. | — | — | — |
| La Mure .... | Gimnazio .......... | — | — | — |
| Tulle ........ | Liceo de E. Perrier . | 1931 | 33 | 1 |
| Le Havre .... | Gimnazio komerca... | — | — | — |
| Toulouse .... | » » ... | — | — | — |
| Tulle ........ | Liceo de E. Perrier . | 1932 | 20 | 1 |
| » ........ | » | 1933 | 20 | 1 |
| Saint-Quentin | Metia lernejo | — | — | — |
| Boulogne-sur-Mer ....... | Komerca lernejo .... | — | — | — |
| Lille ........ | Lernejo por blinduloj | — | — | — |
| Rouen ....... | Gimnazio komerca... | — | — | — |
| Limoges ..... | Komerca lernejo .... | — | — | — |
| Arras ....... | Agricultura lernejo .. | — | — | — |
| Auxonne .... | Gimnazio .......... | — | — | — |
| Amboise ..... | Elementa liceo ...... | — | — | — |
| Pont-Labbé .. | » » ...... | 1933 | 84 | 2 |
| Paris ........ | Gimnazio .......... | — | — | — |
| Drancy ...... | Komunuma lernejo, knaboj ............ | 1932 | — | 1 ½ |
| Ville de Romans sur Isère ...... | Ŝtata lernejo........ | 1932-33 | 30 | 2 |
| » | Popollernejo ...... . | 1932-33 | 30 | 1 ½ |
| Les Lilas .... | Politeknika lernejo .. | 1928-33 | 5 jare | 1 ½ |

### Greklando.

| Urbo | Lernejo | Studjaro | Nombro da lernantoj | Horoj semajne |
|---|---|---|---|---|
| Ateno ....... | Universitato ........ | 1925-32 | 71 | — |
| » ........ | Mezlernejo ......... | 1925-33 | — | — |
| » ........ | Seminario por instruistoj ............... | 1925-33 | — | — |
| » ........ | Gimnazioj ŝtataj .... | 1931-32 | 1.500 | — |
| Saloniko ..... | | | | |

### Polujo.

| Urbo | Lernejo | Studjaro | Nombro da lernantoj | Horoj semajne |
|---|---|---|---|---|
| Bydgoszcz ... | Latingimnazio....... | 1931-32 | 47 | 2 |
| » ... | » ........ | 1932-33 | 30 | 2 |
| » .. | Elementa gimnazio .. | 1932-33 | 41 | 1 |
| » ... | Komerca lernejo .... | 1932-33 | 53 | 1 |
| » ... | » » ..... | 1932-33 | 69 | 1 |
| Lodz ........ | Seminario por instruistinoj ............ | 1932-33 | 32 | 2 |
| » ........ | Gimnazio por knabinoj .................. | 1931-33 | 70 | — |
| » ........ | Popollernejo ........ | — | 40 | — |
| » ........ | » ........ | — | 70 | — |
| » ........ | Gimnazio por knabinoj .................. | — | 45 | — |
| Krakow...... | Universitato ........ | 1931-33 | — | — |
| » .... | Komerca akademio . | — | — | — |
| Lwow ....... | Popollernejoj........ | 1933 | — | — |

### Svislando.

| Urbo | Lernejo | Studjaro | Nombro da lernantoj | Horoj semajne |
|---|---|---|---|---|
| St. Gallen.... | Elementa lernejo por knabinoj ........... | 1931-33 | 20 | Devige |
| Le Locle .... | | 1931-33 | — | — |

### Hispanujo.

Ŝtate subvenciitaj kursoj kun 60 elektitaj instruistoj, kies devo estas instrui Esperanton en la popollernejo dum la venonta studjaro.

### Svedlando.

*Esperanto-instruado en la popollernejo (Nekompleta statistiko).*

| Urbo | Klaso | Studjaro | Horoj semajne | Rimarkoj |
|---|---|---|---|---|
| Stockholm (Mälarhöjden) | 8 | 1928-29 | 4 | Devige |
| » » . | 8 | 1930-31 | 4 | » |
| » » . | 5 | 1932-33 | 1 | Libere |
| » » . | 7 | » | 1 | » |
| » » . | 7 | » | 1 | » |
| » (Sofia) | 5 | » | 1 | » |
| » » | 5–7 | » | 2 | » |
| » (Maria) | daŭriga kurso klaso 2 | » | 2 | Devige |
| Kiruna | 6 | » | 2 | Libere |
| Vingaker | 6 | » | 1 | » |
| Västervik | 5–6 | » | 2 | » |

De la deviga Esperanto-instruado en la popollernejo de Mälarhöjden en Stokholmo dum la studjaroj 1928-29 kaj 1930-31 rezultis, ke la lernantoj post unujara studado povis kontentige traduki ekzamenajn tekstojn, kiuj estis donitaj por la skribaj provoj por finekzameno en elementaj liceoj (= 3-resp. 6 jara studado) pri traduko de la sveda al la germana kaj angla lingvoj — laŭ kontrola provo. La kapablo de la lernantoj buŝe trakti la lingvon estis kontrolata pere de studvojaĝoj al Estonujo kaj per la kunestado kun la Esperanto-parolanta lernantaro en tiu lando.

### Ĉeĥoslovakujo.

| Urbo | Lernejo | Studjaro | Nombro da lernantoj | Horoj semajne |
|---|---|---|---|---|
| Praha | Teknika akademio ...... | 1929-33 | — | 1 |
| Bodenbach | Metia lernejo .......... | 1931-32 | — | 2 |
| Turn. | Gimnazio por knabinoj | 1933 | 50 | 2 |
| » ...... | » » knaboj.... | 1927-33 | — | 2 |
| Reichenberg | Ŝtata metilernejo ....... | 1927-33 | — | — |

Reichenberga foiro uzas Esperanton jam de la jaro 1930 en korespondado kiel ankaŭ por reklamaj celoj.

| Urbo | Lernejo | Studjaro | Nombro da lernantoj | Horoj semajne |
|---|---|---|---|---|
| Aussig .... | Komerca akademio ..... | 1930-33 | 20 | 2 |
| Praha ..... | Blindula lernejo ...... | 1931-33 | — | 1 |
| Olomouc-Neredin . | Popollernejo ............ | | | 2 |
| Bratislava . | Mezlernejo .............. | 1931-32 | — | 2 |
| Hradec Kralove . | Komercaj akademioj ... | | | 2 |
| Olomouc .. | | | | 2 |
| Usti ...... | | | 12-60 | 2 |
| Olomouc-Neredin . | Popollernejo............ | 1932-33 | | 2 |
| Kezmarok . | Mezlernejo ............... | | | 2 |
| Uhersky .. | Gimnazio ................. | | | 2 |
| Presov .... | Gimnazio ................. | | | 2 |
| Bratislava . | Mezlernejo ............... | | | — |

### Hungarujo.

| Urbo | Lernejo | Studjaro | Nombro da lernantoj | Horoj semajne |
|---|---|---|---|---|
| Sarospatak | Kalvinana lernejo | | | |
| Bonyhad... | Lutherana gimnazio .... | | | |

### Austrujo.

| Urbo | Lernejo | Studjaro | Nombro da lernantoj | Horoj semajne |
|---|---|---|---|---|
| Graz ...... | Lernejoj de la urbo .... | 1931- | | |
| Linz ...... | Daŭrigaj lernejoj ....... | 1930- | | |
| Voitsberg .. | | 1932- | | |

### Germanujo.

Esperanto-instruado okazis 1930-31 en la sekvaj ŝtataj aŭ de la ŝtato subvenciitaj lernejoj :

| | | | |
|---|---|---|---|
| En | 49 popollernejoj partoprenis | 1.072 | lernantoj |
| » | 2 gimnazioj | 30 | » |
| » | 2 senkonfesiaj lernejoj | 27 | » |
| » | 2 metiaj lernejoj | 43 | » |
| » | 2 komercaj lernejoj | 10 | » |
| » | 1 popolakademio | | |
| » | 1 blindulinstituto | | |
| » | 1 seminario | | |

| | | | | |
|---|---|---|---|---|
| En | 24 | lernejoj instruado | 1 horo | semajne |
| » | 76 | » » | 2 horoj | » |
| » | 1 | » » | 3 » | » |
| » | 3 | » » | 4 » | » |
| » | 1 | » » | 5 » | » |
| » | 2 | » » | devige | |

---

Laŭ informo de la esperanta gazetaro Esperanto estis instruata en 335 germanaj lernejoj. Tiu instruado okazis en sekvaj lokoj :

Altenburg
Aschaffenburg
Aschersleben
Augsburg
Bergedorf
Berlin
Beuthen
Bleyersheide
Bochum
Bremen
Breslau
Buer
Cannstadt
Crefeld
Darmstadt
Dortmund
Düren
Düsseldorf
Elbing
Elberfeld
Erfurt
Ermsleben
Essen
Frankfurt a.M.
Frankfurt a.O.
Frechen
Freiburg
Fulda
Grosslöbichau
Görlitz
Gummersbach
Halle
Hamburg
Hannover
Hattersheim
Heidelberg
Helmstadt
Homberg
Horrem
Ilvesheim
Johannisburg
Kaiserslautern
Kassel
Kiel
Kleinglienicke
Koblenz
Köln
Königsberg
Kreuznach
Laasan
Liegnitz
Limbach
Linz
Ludwigslust
Magdeburg
Mainz
Michelstadt
München
Nauborn
Neckargartach
Neustadt
Niederreifenberg
Niemeck
Nowawes
Nürnberg
Offenbach
Oschersleben
Paderborn
Potsdam
Quedlinburg
Regensburg
Rheydt
Roitzsch
Seehausen
Sieburg
Solingen
Sprottau
Stettin
Stralsund
Tilsit
Waldenburg
Waldbüttelbrunn
Wiesbaden
Wolgast
Worms
Annaberg
Aue
Auerbach
Bärenstein
Bautzen
Berbisdorf
Bösdorf
Brand
Erbisdorf
Brockwitz
Brunn
Chemnitz
Demitz
Döbeln
Dölzschen
Dorfstadt
Dresden
Ebersbrunn
Ellefeld
Erfenschlag
Falkenstein
Frankenhausen
Frauenstein
Freiberg
Freital
Frohburg
Gaussig
Geringswalde
Gittersee
Glauchau
Gohlis
Grossenhain
Grossölsa
Hainewalde
Hainichen
Hartenstein
Hartmannsdorf
Heidenau
Hetzdorf
Hirschfelde
Kamenz
Kirschberg
Königsfeld
Königstein
Kötzschenbroda
Krimmitschau
Lausa
Leipzig
Lengenfeld
Leubnitz
Lohmen
Marbach
Markranstädt
Meissen
Meerane
Meykirchen
Mittweida
Mügeln
Muschelwitz
Mylau
Neugersdorf
Neumark
Niederhermsdorf
Nieder-Oderwitz
Nidderschöna
Nossen
Nünchritz
Oberhohndorf
Oberlössnitz
Oederau
Oelsa
Oelsnitz
Olbersdorf
Oschatz
Pirna
Planitz
Plauen
Plohn
Pöhlau
Rabenau
Rabenstein
Radeberg
Radebeul
Raschau
Reichenbach
Reinsdorf
Riesa
Rodewisch
Rotschau
Rüssen
Schönau
Schönerstadt
Schönheide
Schnarrtanne
Seeben
Sehma
Seifennersdorf
Sornewitz
Starbach
Stollberg
Stutthof
Treuen
Vielau
Weinböhla
Werdau
Wurgwitz
Wurzen
Zschachwitz
Zwickau
Zwönitz

# Universala Esperanto-Asocio

**Por prezenti al la legantoj de „ Esperanto " la estraranojn de UEA, elektitajn en Stokholmo kaj konfirmitajn per skriba voĉdono, ni publikigas en ĉi tiu kaj la sekvantaj numeroj iliajn bildojn kun mallonga biografio.**

Inĝ. J.R. C. Isbrücker





Int.-Generalo L. Bastien

D-ro A. Vogt



Sinjoro Louis Bastien naskiĝis la 21 decembro 1869 en Obernai (apud Strasbourg). Post la mezlernejaj jaroj li daŭrigis sian studon kaj dediĉis sin al soldata kariero. Li fariĝis oficiro, kaj en la rango de kapitano eniris poste administran servon, kaj servis en granda nombro da garnizonoj. Suprenirante la hierarkian ŝtuparon, li atingis la gradon de intendanto-generalo. Grandajn organizajn meritojn li akiris dum la milito. En la jaro 1929 li pensioniĝis.

Esperantisto de 1902, li multe okupis sin pri propagando dekomence en norda Francujo, poste en orienta. Kun renovigitaj agemo kaj fervoro li eklaboris post sia pensioniĝo kaj baldaŭ estis elektita vicprezidanto de SFPE (la franca nacia esperanto-societo).

Li verkis kaj en la jaro 1907 publikigis Naŭlingvan Etimologian Leksikonon de la lingvo Esperanto, kiu celis montri la internaciecon de la lingvo kaj la lokon, apartenantan al ĝi inter la lingvoj de la civilizita mondo. Samtempe ĝi devis plifaciligi la lernadon de la esperanto-radikoj por personoj, en tiu aŭ tiu grado konantaj unu el la ok naciaj lingvoj de la Leksikono (latina, franca, itala, hispana, portugala, germana, angla, rusa).

La Naŭlingvan Leksikonon sekvis en 1911 traduko de Bossuet : *Funebra Parolado de Princo de Condé*, poste *Poŝvortaro por francoj*. Pro lia aŭtoritato en lingvaj demandoj, li jam en la jaro 1909 estis elektita en la Lingvan Komitaton. Nun li estras la Sekcion de Teknikaj Vortaroj. De proksime konante la esperanto-movadon, samkiel ĝiajn portantojn, li estas unu el la ĉefaj kunlaborantoj de la Enciklopedio de Esperanto.

Li multe klopodis pri la nov-organizo de la movado kaj nun kiel prezidanto de UEA kontribuas praktike al la realigo de la defenditaj principoj.

---

Inĝeniero J.R.G. Isbrücker naskiĝis la 19 julio 1889 en Hago (Nederlando). Elementan kaj mezgradajn lernejojn li sekvis en sia hejmurbo. Poste li vizitis Teknikan Altlernejon en Delft kaj en 1912 akiris diplomon de Elektroteknika Inĝeniero kaj ĝis 1915 li funkciis kiel Asistanto en la sama Altlernejo. En 1915 la Mezgrada Teknika Lernejo en Dordrecht invitis lin kiel Profesoron. En la jaroj 1917-1920 li estis Inĝeniero kaj poste Ĉefinĝeniero ĉe la Urba Telefono en Amsterdam. De 1920 ĝis 1932 estis Inĝeniero, poste Vicdirektoro de la Bell Telephone Mfg. Co en Hago. Pro la ekonomia krizo li devis forlasi tiun oficon kaj nun li estas Profesoro en la Mezgrada Teknika Lernejo en Rotterdam.

S-ro Isbrücker estas Esperantisto de 1909. Lerta organizanto kaj fervora propagandisto li frue komencis ludi gravan rolon en la loka, nacia kaj poste ankaŭ en la internacia movado. Estrarano de la haga grupo, estrarano kaj dum 6 jaroj Prezidanto de la Nederlanda Societo Esperantista LEEN. Lingva Komitatano kaj Akademiano. Prezidinto de la 12a Universala Kongreso en Hago. Membro de la ekzamena komitato. Vicprezidanto de la UEA-Komitato kaj de ĝia Estraro.

S-ro Isbrücker agadis ankaŭ en literatura kampo. Li estas aŭtoro de *La evoluo de la telefonio* kaj de *Historio kaj organizo de la Esperanto-movado* kaj kunaŭtoro de broŝuro kontraŭ Ido. Li tradukis esperantlingven « *Gijsbrecht van Amstel* » de Vondel kaj en kunlaboro kun J.C. Isbrücker-Dirksen kaj J. Ziermans « *Akbar* » de P.A.S. van Limburg Brouwer.

D-ro Vogt naskiĝis la 13 junio 1882 en Aschhausen (Virtembergo, Germanujo). Post akiro de l'atesto de matureco, li studis politikajn sciencojn en la universitatoj de Würzburg, Berlin kaj Erlangen kaj promociiĝis kiel doktoro (Dr. rer. pol.).

Enirante la bankfakon kiel lernanto, li faris brilan karieron kaj jam en 1908 fariĝis bankdirektoro, post la milito, li fariĝis bankiero mem.

Post vendo de sia firmo li tamen ankoraŭ nun daŭrigas sian aktivecon kiel direktoro en la sama branĉo. Li havas reputacion de eminenta organizanto.

Al la helplingva ideo li interesiĝis jam en junaĝo. Depost 1897 li estis Volapükisto; en 1903 li fariĝis Esperantisto.

Malnovaj adresaroj, gazet-raportoj kaj kongres-eldonoj citas lin kiel prezidanton de grupa kaj regiona organizoj. Li dum multaj jaroj estis unu el la ĉefgvidantoj de la movado en Bavarujo. Jam antaŭ la milito li agis internacie. Li estis malnova membro kaj delegito de U.E.A. Post la milito li ĉefe aktiviĝis en la Germana Esp. Asocio, kies vicprezidanto li estis dum pluraj jaroj. Pro siaj meritoj li estis distingita per la honor-insigno de U.E.A. Li estas honora membro de la grupo en Stuttgart, kie li loĝas de post 15 jaroj. De post la milito li pledis por racia organizo de nia internacia movado. Li ellaboris speciale projekton de organizo, starigota laŭ principoj ekonomiaj. Ĝia resuma diskonigo ne estis komprenita de ĉiuj, kiuj devas interesiĝi pri la solvo necesa.

La nuna unuecigo de nia organizo sekvas multparte la bazon de li rekomenditan. Ĝis dissolvo de la I.C.K., li estis unu el ties plej interesitaj praktikaj helpantoj kaj konsilantoj. Lia partopreno en la estraro de U.E.A. certigas al nia movado lian pluan subtenon, kunhelpon kaj valoran kunlaboron.

D-ro Vogt estis patrono de la I.C.K. dum ĝia ekzisto. Li ankaŭ nun estas patrono de U.E.A. Li nuntempe apartenas al la ĉefkonsilantaro de la Germana Esp. Asocio.

---

## Raporto de la Sekcio de Eksteraj Aferoj

*Vidu ankaŭ la n-rojn 408/9 kaj 412*

Kiom grava estis la ekzemplo de Liĥtenstejno kaj Hungarujo, tion montras dua sukceso ĉe la poŝto de *Brazilo*.

Brazilo estis la unua lando, kiu akceptis Esperanton kiel klaran lingvon por la telegrafa korespondado, en novembro 1906.

Se en ĝia uzado en la poŝto, Brazilo ne estis la unua, tamen ĝi estis unu el la unuaj. La Ĝenerala Direkcio de la Poŝtoj kaj Telegrafoj eldonis en oktobro 1933 serion da 20 belegaj poŝtkartoj kun bildoj el Rio de Janeiro kaj klarigaj tekstoj en portugala lingvo kaj en Esperanto. La papero de la kartoj estas blanka kaj la surpreso violkolora. La nova poŝtmarka desegno montras bildon el la ĉefurbo de Brazilo. Estas tre grave, ke ili estas la unuaj ilustritaj kartoj, eldonitaj de la brazila poŝto.

Tiuj ĉi poŝtkartoj estas aĉeteblaj po cent rejsoj ĉe ĉiuj giĉetoj de la brazila poŝto kaj uzeblaj enlande kaj en komunikado kun Hispanujo kaj la amerikaj landoj. Post algluo de plia poŝtmarko de 300 rejsoj, ili estas ankaŭ uzeblaj en komunikado kun la ceteraj landoj.

Tiun ĉi gravan venkon ni ŝuldas al S-roj D-ro Junqueira Ayres, ĝenerala direktoro de la Departemento de Poŝtoj kaj Telegrafoj, kaj Emilio Taveres de Macedo, Regiona Direktoro de la Federacia Distrikto, al kiuj S-ro A. Couto Fernandes, prezidanto de Brazila Ligo Esperantista kaj emerita Teknika Direktoro de la Nacia Telegrafo, montris la oficialajn bildpoŝtkartojn el Liĥtenstejno kaj Hungarujo kaj aliajn valorajn esperantaĵojn kaj petis, ke klariga teksto en Esperanto flanke de tiu en portugala lingvo estu entenata en la novaj poŝtkartoj baldaŭ eldonotaj.

Jen la bild-priskriboj de la eldonitaj poŝtkartoj: 1. Ĝardeno sur la Placo Parizo; 2. Maŭra Pavilono; 3. Palaco Monroe, kie funkciis la Senato; 4. Ĉambro de Deputitoj; 5. Palaco Guanabara (loĝejo de la Prezidanto); 6. Marbordo Botafogo; 7. Urba Teatro; 8. Preĝejo de Nia Sinjorino de Penha; 9. Kanalo Mangue; 10. Placo Floriano; 11. Placo Parizo; 12. Specimena Foiro; Centra Pavilono de la Ekspozicio; 13. Vidaĵo de la Havena Kajo; 14. Parto de la golfeto Botafogo kaj Monto Pao de Açucar (Suker-pano); 15. Parto de la golfeto Botafogo; 16. Placo Floriano kaj Avenuo Rio Branco; 17. Groto de la Gazetaro kaj monto Gávea; 18. Ĝardeno kaj Preĝejo de Nia Sinjorino de Gloro; 19. La montoj Korkovado (kun la monumento de Kristo) kaj Pao de Açucar (Suker-pano); 20. Havenenirejo.

Konsiderante, ke la ilustritaj poŝtkartoj servas al la turisma propagando por la lando, S-ro Tavares de Macedo proponis al la Ĝenerala Direktoro la eldonadon de aliaj serioj, edukaj kaj turismaj.

La poŝtkartoj estas presitaj de Pimenta de Melo & K-io en Rio de Janeiro.

La sukceso de tiu ĉi eldono estis grandega. La Brazila Ligo Esperantista, pere de sia revuo « Brazila Esperantisto », publikigis kaj disvastigis sciigon pri la apero de ĉi tiuj kartoj. La esperanta gazetaro kunhelpis al plia diskonigo. La propagando tamen ne limiĝis nur al la esp. publiko. Simile kiel ni faris por Hungarujo (kaj antaŭe por Liĥtenŝtejno), noto pri la apero de la kartoj estis disvastigita nacilingve en la naciaj gazetoj. Al ĉiu sendinto de pruvekzempleroj la B.L.E. kvitancis per sendo de stampita oficiala karto. La estraro de la Ligo organizis kolekton de ĉiuj korespondaĵoj, ĵurnaloj kaj revuoj ricevitaj kaj ĝin montris al la Departemento de Poŝto kaj Telegrafo kaj al S-ro D-ro José Américo, Ministro de Publikaj Laboroj.

Ĉi tiu impresita de la granda sukceso, atingita de la unuaj kartoj, ordonis, ke Esperanto estu ankaŭ uzata en aliaj kartoj jus eldonotaj.

Sekve de tio aperis dua serio de oficialaj kartoj, konsistanta el 39 kartoj. Ili montras bildojn el la brazilaj federaciaj ŝtatoj kaj krom la klarigo en portugala lingvo, tiun en Esperanto.

Tiuj ĉi novaj poŝtkartoj estas pli bele presitaj ol la unuaj kaj la bildoj pli grandaj ol la antaŭaj. La kartono estas pli bona. La surpreso estas sepikolora. La nominala valoro estas 100 rejsoj. La serio montras la jenajn ilustraĵojn: Alagoas: 1. Akvofalego Paulo Afonso (alta 80 metrojn, kun kapableco por du milionoj da ĉevalpovoj); 2. Pernambuco: Insulo Fernando Noronha (distanco al la kontinento — 360 km.); 3. Pernambuco-Recife, (alnomata Brazila Venecio); 4. Paraiba: Joao Pessoa (ĉefurbo de la ŝtato); 5. Paraiba: Joao Pessoa. Placo Bela Vidaĵo; 6. Rio Grande do Norte: Areia Preta (Nigra Sablo Natal-ĉefurbo); 7. Rio

Grande do Norte : Marbordo ; 8. Ceara : Baraĵo de la kluzo Quixodá ; 9. Piauí. Terezina : Normala Lernejo ; 10. Maranhao-S. Luiz (ĉefurbo) : Placo Sankta Antono ; 11. Pará-Belém (ĉefurbo) ; 12. Para-Belém : Teatro de la Paco ; 13. Amazonas : Haveno de Manaus ĉe rivero Negro, kiu alfluas al riverego Amazonas (la plej volumena en la mondo) ; 14. Paraná : Ponta Grossa-Vila Velha (Malnova Urbeto) ; 15. Rio Grande do Sul.-Porto Alegre. Placo Argentina ; 16. Amazonas-Rio Negro (Nigra Rivero). — Manaus (ĉefurbo) ; 17. Paraná. Fervojo de Paranaguá al Curitiba (juvelo de la brazila inĝenierarto) ; 18. Sergipe.-Aracajú: Katedralo ; 19. Baia.-Cachoeira kaj S. Felix (urboj ligitaj per ponto) ; 20. Paraná.-Sete Quedas (Sep Akvofaloj) la plej rimarkinda en la mondo, laŭ akvokvanto ; 21. Santos.-Panoramo ; 22. Nordorientaj marbordoj : Cabo Branco (Blanka Terpinto) ; 23. Sao Paulo : Placo de la Katedralo ; 24. Sao Paulo : Parko D. Pedro II ; 25. Estado do Rio de Janeiro.-Montaro Terezópolis, kun la Dia Fingro ; 26. Espirito Santo. — Haveno de Vitória (ĉefurbo) ; 27. Nordorientaj marbordoj ; 28. Nord-orientaj aspektoj : Kokosarboj ; 29. Paraná. — Akvofalo de Iguassú. Diabla Gorĝo ; 30. Santa Catarina. — Akvofalo de Rio Preto (Nigra Rivero) ; 31. Rio Grande do Sul. — Pôrto Alegre. Poŝta kaj Telegrafa Oficejoj ; 32. Minas Gerais. — Juiz de Fora (grava industria urbo) ; 33. Goiaz. — Pirenopolis : Akvofalo de Piloes ; 34. Mato Grosso. — Cuiabá : Preĝejo de l' Bona Sukceso ; 35. Mato Grosso. — Corumbá, la dua urbo en la ŝtato ; 36. Alta Paraná Akvofalo Ignassu ; 37. Nordorinetaj tipoj : Bovgardistoj ; 38. Nordorientaj kutimoj. La bovkunigado ; 39. Nordorientaj aspektoj : La floso.

Niaj brazilaj amikoj meritas elkoran gratulon pro la granda sukceso atingita. Tre trafe kaj tre discipline ili tuj interkonsentis kun ni pri la mezuroj, prenotaj por sekurigi la sukceson atingitan. El nia ide-interŝanĝo rezultis diversaj proponoj, kiuj ne nur kontribuos al firmigo de nia pozicio ĉe la brazila poŝto, sed promesas ankoraŭ sekvigi plian aplikadon de nia lingvo en tiu ĉi sfero.

Ni neniam povas fari tro por kunhelpi al tia entreprenado.

La princlanda poŝto de *Liĥtenŝtejno* daŭrigas la uzon de la oficialaj poŝtkartoj kun Esperanto-teksto. Pro tre granda provizo de la dua serio kaj pro ekonomiaj kaŭzoj, projekto de nova serio devis esti remetata por malpli frua dato. Efika kunhelpo al la debito de la nuna serio, povos akceli la aperon de novaj kartoj. Kelkaj aliaj proponoj pri aplikebleco de Esperanto estas submetitaj al la registaro, kies decidon ni atendas je favora momento.

Finante la ĉapitron, ni povas aldoni, ke ni okupas nin pri la realigo de diversaj projektoj ĉe aliaj poŝtadministracioj.

Ni intencas krom tio okupi nin dum la venonta aŭtuno pri kelkaj entreprenadoj en la kampo de telegrafio. Pro la ampleksa laborado por Vieno, por la transiraj laboroj de la nova organizo, krome pro la malsano de la raportanto, kiu dum kelkaj monatoj ne permesis al li labori plenforte, ni devis malfruigi necesajn paŝojn. **(Finota)**

---

## Kongresa Ekspozicio

Por efika ekspozicio dum la 27.a, la Organiza Komitato bezonas afiŝojn, sigelmarkojn, poŝtmarkojn kaj stampojn, kongresraportojn, insignojn, ktp., kiujn oni eldonis en Esperanto (aŭ en Esp. kaj naciaj lingvoj), ĉu okaze de naciaj aŭ intern. kongresoj ĉiupescaj, ĉu de komercaj Foiroj ktp., kaj eltranĉaĵojn de gazetoj kun artikoloj pri Esperanto.

**Sendaĵoj adresotaj al Esperanto-Centro Itala, 92, Galleria V. Em., Milano.**

**Faktoj por la propagando.**

Por faciligi la agadon por nia afero en la publiko, ni de nun publikigos regule en ĉi tiu rubriko faktojn pri la progreso de Esperanto, uzeblajn de niaj propagandistoj.

---

Laŭ decido de la Internacia Elektroteknika Komisiono en Parizo en Junio 1934, estas antaŭvidita la eldono de Esperanto-suplemento al la internacia normvortaro.

La Internacia Federacio de la Komitatoj por Normigo en Baselo laŭ propono de l' Sovetlanda Komitato por normigo pritraktis en sia internacia konferenco en septembro 1934 en Stokholmo laŭ projektoj de internacia skrib-kaj sonkodo, bazita tute sur Esperantaj principoj.

— La konsilantaro de la franca departemento Haute-Vienne kaj la konsilantaro de la franca urbo Limoges decidis deziresprimon, ke Esperanto estu devige instruata en la lernejoj.

— La greka ministerio por kulturo kaj publika instruado rekomendas per ordono No. 31008 de 31.5.1934 akceli la instruon de Esperanto en la lernejoj.

— En Cirju (Japanujo) Esperanto estas enigita en la programon de la 7 kaj la 8 studjaroj de la lernejoj kiel deviga fako.

— La listo de numeraloj kaj komerc-terminoj en la oficiala angla « Bankers Almanac & Year Book » enhavas ankaŭ kolonon en Esperanto.

— En Stokholmo fondiĝis « Societo Mondo-Filmo », kiu celas la fabrikadon de Esperanto-filmoj, la esperantigon de alilingvaj filmoj kaj la disvastigon de tiuj filmoj tra la mondo.

— La medicina revuo « Lijecnicki Vjestnik », Zagreb (Jugoslavio) publikigas en sia No. 10, 1934 resumon en Esperanto de raporto pri la sanstato de la regiono de Beograd.

— La ĝenerala kunveno de la instruistoj de la polaj lernejoj por korpdifektaj infanoj faris decidon, celantan la enkondukon de Esperanto en la lernejojn por blinduloj.

— Kiel oficialaj lingvoj, de la kongreso de la junaj budhistoj de la Pacifiko en Tokio, Osaka kaj Kioto (Julio 1934) estis rekonitaj Esperanto, japana, ĉina kaj angla.

— La monata revuo de la franca komerca ĉambro en Londono « Des Deux Côtés du Détroit » publikigis en la jaro 1934 dektri artikolojn en Esperanto.

— La belga urbo Gento eldonis gvidlibron en la lingvoj franca, flandra kaj Esperanto.

— La konsilantaroj de la francaj urboj Auxerre, Buxy, Chalon-sur-Saône, Montceau-les-Mines, Nevers kaj Romans kaj la ĝeneralaj konsilantaroj de departementoj Yonne kaj Haute-Garonne esprimis per rezolucioj la deziron, ke Esperanto estu enkondukata en la lernejojn.

— La gazeto « Berita Baroc » en Makassar, Nederlanda Hindujo, publikigas kurson de Esperanto.

— La « Aŭstria Esperantisto », oficiala organo de Int. Esperanto-Muzeo kaj Aŭstria Esperanto-Asocio, aperas de nun en duobla formato kun aparta propaganda aldono en germana lingvo.




# 27-A UNIVERSALA KONGRESO DE ESPERANTO

## 11-a SOMERA UNIVERSITATO
## KONGRESA KROZADO

## 3-10-17 DE AŬGUSTO 1935

## NIA DUDEKSEPA : ĈU NURA FESTO ?

**Entuziasmajn, laŭdajn aprobojn jam vekis tra tuta Eŭropo la provizora programo de nia 27.a Universala Kongreso, kaj de la ampleksa turisma organizo kun ĝi kunligita : « mirinda », « rava », « alloga », « grandioza » : jen la vortoj, kiujn oni ĉerpas ĉiutage el la leteroj de la itala kaj eksterlanda samideanaro.**

**La Organiza Komitato tre fervore kaj precize zorgos eĉ pri la plej malgrandaj detaloj, por ke la realo superu ĉies dezirojn : por tio ĝi sin turnas al la tutmondaj Esperantistaj Asocioj kaj Institucioj, petante ke ili tre atente konsideru la jenan varmegan peton.**

**Universala Kongreso de Esperanto estas tradicia jara festo de la tutmonda Esperantistaro, kaj ankaŭ dum nia 27.a amikoj-samideanoj festos kiel eble plej brile ; sed ĝi ne povos, ĝi ne devos esti nura festo !**

**Gi estu solena pruvo de la aktuala tutmonda disvastiĝo de Esperanto, ĝi estu signifoplena mejloŝtono en la historio de la movado, ĝi estu venka batalo kauzonta novan orientigon de l'publika opinio, ĝi estu grandioza manifestacio dononta gravajn sekvojn en la kampoj de la universala esperantista movado kaj de la praktikaj aplikadoj de nia mondhelplingvo.**

**La aliĝoj de kelkaj miloj da privataj kongresanoj tute ne sufiĉus por atingi tiajn celojn : estas nepre necesa grandskala aliĝado de Asocioj por atingi tiajn celojn : estas nepre necesa grandskala aliĝado de Asocioj kaj institucioj — ĉu esperantistaj ĉu ne esperantistaj, — de Lernejoj, de komercaj kaj industriaj Societoj, Firmoj, Federacioj, Grupoj, Entreprenoj, Bankoj, Turismaj kaj alispecaj Agentejoj, Foiroj, Fakaj rondoj, Gazetoj, k.t.p. : jen serioza kaj nekontraŭstarebla pruvo je efektiva internacia volo kaj forta internacia voko : vere amasa, impona, laŭta postulo el ĉiuj fakoj kaj landoj, kvazaŭ « unuanima voĉdonado » por Esperanto !**

**Ĉiu, senescepte, tuj eklaboru por varbi inter la diritaj Institucioj kiel eble plej grandan nombron da aliĝoj de « Helpkongresanoj » (speciala kotizo « D », italaj liroj 40.—) : unuaj aliĝantoj estu la Esperantistaj Landaj kaj Fakaj Societoj kaj Grupoj, ĉar la ekzemplo estas ja la plej taŭga instigilo !**

**Nia 27.a en Roma havos gravegajn sekvojn por la tuta esperantista movado, nur se ĉiuj (Esperantistaj Federacioj, Asocioj, Institutoj, Gazetoj, Grupoj, izolaj gesamideanoj, simpatiantoj, ktp.) en ĉiuj lando kaj urbo kaj urbeto de l' mondo, sentos sian respondecon kaj ĝuste taksos la eksterordinaran gravecon de l' nuna momento ; nur se ĉiuj sentos la devon kunlabori, jam de nun, tre energie kaj senhalte, por tia plua paŝo al la triumfo de l'genia Verko de Zamenhof !**

**Tia solena « unuanima voĉdonado » esperantista en Roma certe altiros la atenton de la Itala Registaro, kaj, pro ties granda influo, ĝi fine vekos la intereson de la tuta mondo.**

**La varblaboro farota estas iel simila al la preparaj laboroj por la Konferencoj de Venecio (1923), Parizo (1925), kaj Vieno (1934), por la aplikado de Esperanto en specialaj fakoj ; sed nekompareble pli grandskala. La favoraj sekvoj de tiuj Konferencoj montriĝis post multaj jaroj ; ni devas klopodi por atingi, okaze de la Roma Kongreso, similan sed multe pli vastan rezulton per nombro kaj graveco de aliĝoj.**

**La promesplena devizo de la Esperantistaro estu :**

**« ROMA 1935 » !**

**Per kunigitaj fortoj de ĉiuj Samideanoj kaj per entuziasma penado, ni povos certigi al nia 27.a tian sukceson, ke la Roma Kongreso indiku neforgeseblan daton en la historio de la homa progreso.**

**LA ORGANIZA KOMITATO**
**de la 27.a Universala Kongreso de Esperanto**

**Estas oportune rimarkigi al neesper-istaj Institucioj kaj Firmoj, ke la listoj de aliĝintoj al nia 27.a estos diskonigataj tra la tuta mondo per dekmiloj da ekzempleroj de esp. gazetoj, kaj pere de la « Kongresa Libro »; tiel ke la aliĝo havas ne nur gravan moralan signifon, sed ankaŭ atentindan reklaman valoron.**

## Atentu !

Ni atentigas pri tio, ke post la 31januaro ne pluvalidos la rabatita kotizo je 30 %, sed nur tiu je 20 % (kiel anoncite antaŭe). Anstataŭ 70 Liroj, oni do devos pagi 80 Lirojn. Familianoj (nur proksimegaj parencoj kune loĝantaj) devos pagi, 48 Lirojn anstataŭ 42 Liroj ; junuloj malpli ol 18-jaraj, 32 Lirojn anstataŭ 28 Liroj.

La ĝisnuna tabelo de la kotizoj por la Kongresa Krozado ne plu validos post 31.1.35. Komparu la novan tabelon post ĉi tiu komuniko.

Senŝanĝa restas la Kotizo por la Vojaĝo « Tra Italio » (Baza Kotizo « T ») : L. 526.— (aŭ 498.— por Kongresano).

La Kongreskotizoj aŭ Krozad-kotizoj, kiuj ne konformiĝos al la ciferoj de la nova tabelo, post la 31 januaro, estos notataj *jekonte*. La koncernata persono ne estos enskribata ĝis la alveno de la mankanta sumo.

MENDU KONGRESAFIŜOJN DE LA DUDEKSEPA !

grandajn aŭ malgrandajn, sed ne kaŝu ilin ! Montru ilin, pendigu ilin, alkroĉu ilin ie : du-tri apude, kiam eble !

Diskonigu nian mondkongreson ĉien !

Informu nin pri la efektiva lokigo.

DANKON !

## GRAVA AVIZO

La Granda Kongresa Krozado « Al Afriko », jam preparita en ĉiu detalo, anonciĝas kiel vera sukceso : jam nun pli ol unu kvarono da lokoj estas mendita (la tuta ŝipo enhavas pli ol 600 lokoj). *Sed precipe la plej bonaj kajutoj tre rapide elĉerpiĝas.*

Jam plene okupitaj estas la kategorioj «C», «J», kaj «JJ».

Je fino de januaro ekvalidos la suba tabelo de kotizoj, anstataŭ tiu, publikigita en la nº 10-11 de *L'Esperanto.*

Fruemaj Samideanoj dezirante elekti la plej bonajn lokojn mendu prefere lokon en unu el la kategorioj : « I » (dulitaj kajutoj eksteraj), « FF » (kvarlitaj kajutoj eksteraj), « EE » (dulitaj kajutoj eksteraj). En la kategorio « EE » ĉiuj kajutoj enhavas nur litojn, ne supermetitajn.

Gesinjoroj dezirantaj loĝi sur la ŝipo *kune* devas mendi samtempe kajuton el kategorioj « I », « G » (nur internaj kajutoj), « EE », « E » (nur internaj kajutoj). Alie, ili kompreneble ne povos ricevi lokon en la sama kajuto.

Por mendi lokon sur la ŝipo oni devas sendi kune kun la mendo minimuman antaŭpagon de 200 italaj liroj. Plenan pagon oni nepre devos sendi antaŭ la 20.a de junio.

Oni povas revoki ĝis 20 julio sian aliĝon al la Krozado, kondiĉe ke oni trovu anstataŭanton en la sama kategorio. Sen tio, oni rericevos la kotizon minus procentaĵo je 12 %, ĝis la 20 junio ; poste, oni rericevos nur parton de la kotizo, pro eventualaj jam faritaj elspezoj.

*Tre rekomendindaj estas la lokoj en salono « S »*, malgraŭ ilia mirinde modesta prezo. La salono estas perfekte aerumata, kun belaj litoj kiel la kajutoj, duŝejoj, ktp. La manĝoj estas egalaj por ĉiuj, kaj la tuta ŝipo estas egale je dispono de ĉiu Krozadano : sola malsamo estas ĉe la dormloko.

*Kotizoj* por la 7-taga krozado Napoli (10 aŭg.) — Tripoli-Genova (17 aŭg.).

| Kat. | Klasoj | | Plena Kot. | Kongresano |
|---|---|---|---|---|
| S : | Salono, kun multaj litoj | | 375.— | 355.— |
| A : | Kajuto kun 4 litoj, turista klaso, ....... | interna | 495.— | 472.— |
| AA : | Kajuto kun 2 litoj, turista klaso ....... | interna | 518.— | 495.— |
| B : | Kajuto kun 4-6 litoj, turista klaso ........ | ekstera | 518.— | 495.— |
| C : | Kajuto kun 2 litoj, turista klaso ........ | ekstera | 543.— | 520.— |
| D : | Kajuto kun 3 litoj, 2.a klaso ........... | interna | 595.— | 570.— |
| DD : | Kajuto kun 3 litoj, 2.a klaso ........... | ekstera | 615.— | 590.— |
| E : | Kajuto kun 2 litoj, 2.a klaso ........... | interna | 615.— | 590.— |
| EE : | Kajuto kun 2 litoj, 2.a klaso ........... | ekstera | 640.— | 612.— |
| F : | Kajuto kun 4 litoj, 2.a Supera Klaso ... | interna | 640.— | 612.— |
| FF : | Kajuto kun 4 litoj, 2.a Supera Klaso ... | ekstera | 658.— | 630.— |
| G : | Kajuto kun 2 litoj, 2.a Supera Klaso ... | interna | 658.— | 630.— |
| H : | Kajuto kun 4 litoj, I.a Klaso .......... | interna | 695.— | 655.— |
| HH : | Kajuto kun 4 litoj, I.a Klaso .......... | ekstera | 708.— | 668.— |
| I : | Kajuto kun 2 litoj, I.a Klaso .......... | ekstera | 720.— | 680.— |

Oni akceptas partoprenantojn dezirantajn enŝipiĝi en Genova la 7.an de aŭgusto vespere. Ili restos tri pliajn tagojn sur la ŝipo kaj ricevos ne nur la vojaĝon de Genova al Napoli, sed ankaŭ — kompreneble — ĉiujn manĝojn kaj tranoktojn, kaj ankaŭ — senpage — la Kongresan Ekskurson al *Capri*.

Ili pagos la suprajn kotizojn plialtigitajn je nur 22 %.

Vidu detalojn en la baldaŭ aperonta speciala numero de Heroldo.

Informas : ESPERANTO-CENTRO ITALA, Galleria Vitt. Emanuele 92, MILANO.

Pagu nur al : ESPERANTO-CENTRO ITALA, Galleria Vitt. Emanuele 92, MILANO.

---

# Kelkaj Ekskursoj de la Dudeksepa

Ekskurso N-ro 17

— GRANDA KONGRESA EKSKURSO — Tuttaga : 9 aŭg. 1935

*Napoli — Pompei — Napoli — Insulo Capri — Napoli*

Per fervojo aŭ aŭtomobilo oni veturos matene de Napoli, oni haltos en la antikva urbo Pompei, kovrita antaŭ 1856 jaroj de la cindroj de Vesuvo dum la kolosa erupcio de Plinius.

La dikega tavolo el cindroj protektis la urbon tiel, ke ĝi reaperas nun, elfosita, montrante la plej delikatajn detalojn de la antikva hejma vivo.

Dum la vizito okazos mallonga prelego en Esperanto pri la praurbo.

Iom antaŭ tagmezo, la partoprenantoj revenos al Napoli kaj tuj enŝipiĝos sur la grandan Transatlantikan ŝipon *Leonardo da Vinci*, por la dua parto de la ekskurso. La ŝipo tuj ekveturos tra la vastega mirinda paradiza Golfo de Napoli. Oni tagmanĝos, temanĝos, kaj vespermanĝos sur la ŝipo. Oni haltos unu horon kaj duonon ĉe Capri ; oni rondveturos la tutan Insulon de la Sirenoj, kies krutegaj flankoj abrupte falas en la maron, prezentante strangajn kaj sovaĝajn aspektojn.

Ĉe sunsubiro, oni revenos al Napoli. La Golfo sub la rozajviolaj lumoj de l' krepusko ŝajnas felanda pejzaĝo.

*Kosto de la Ekskurso N-ro 17 :* Plena kotizo L. 60 ; Rabatita por Kongresano D. 55.—. Senpage por partoprenantoj al la Vojaĝo « Tra Italio » (Baza Kotizo « T »), kaj por la Krozadanoj kiuj enŝipiĝis en Génova la 7 aŭgusto.

Aliĝu kiel eble plej frue, ĉar sur la ŝipo estas *limigita nombro da lokoj*, eĉ por la Kongresa Ekskurso.

---

Unua Koncentriĝo N-ro 1

*Bordighera* — Dutaga : 1-2-3 aŭgusto 1935

Alveno en *Bordighera* je 11.22 ĵaudon la 1-an. — Posttagmeze, veturo al *San Remo* (la itala Montecarlo) per aŭtomobiloj, por viziti tiun tre ĉarman, luksan urbeton de la Itala Riviero. — Vespere, en Bordighera; mara festo en la Kursalo. La postan tagon, eksurso al « La Mortola », por viziti ties prahistoriajn kavernojn. Oni veturos vespere al Génova, por tie tranokti, kaj daŭrigi frumatene laŭ la ĝenerala programo al Pisa-Firenze.

La Halto en Bordighera estas tre varme rekomendinda, por viziti unu el la plej belaj regionoj de Italio, kaj samtempe kontakti kun samideanoj de Okcidenta Ligurio.

*Kosto de la Unua Koncentriĝo N. 1 :* L. 98.—

Unua Koncentriĝo N-ro 2

*Torino kaj la Blanka Monto* — Dutaga : 1-2-3 aŭgusto 1935

Alveno en Torino la 1-an posttagmeze. Vizito pri la belega Urbo per aŭtomobiloj. Vespermanĝo kaj tranokto en Torino.

Frumatene la 2-an oni ekveturos al Courmayeur, mirinda alpa vilaĝo je 1.300 metrojn super maro, en grandioza konko, piede de Monto Blanka : ĉi tiu plej kolosa reĝo de la Alpoj stariĝas majeste antaŭ la rigardanta per sia abrupta pario ĝis preskaŭ kvin mil metroj alten.

Tie oni promenos ĝis la granda glaciejo de Brenva, kaj marŝos sur la glacio mem. Tiu regiono estas nediskuteble la plej vidinda de la tuta Alpa ĉeno : eble, certe, ĝi prezentas la plej valoran vidindaĵon el la tuta Kongresa Turisma Programo !

Oni tagmanĝos en Courmayeur, oni reveturos malfrue, kaj vespermanĝos en Ivrea, prahistoria urbo fama dum Mezepoko, kun karakteriza Kastelo, bela lago, fruktodonaj montetoj. Vespere, oni reatingos Torino, kie oni ree tranoktos. Matene, post la matenmanĝo, tre frue, oni forveturos al Firenze, kie okazos la *Granda koncentriĝo*.

*Kosto de la Unua Koncentriĝo N. 2 :* L. 150.—

---

Unua Koncentriĝo N-ro 7

*Verona kaj Lago de Garda — Opero en la Areno de Verona* — Dutaga : 1-2-3 aŭg. 1935

Venante de Innsbruck, oni haltos du horojn en Bolzano, kie salutos la lokaj samideanoj. Oni alvenos je la 19.30 en

# LINGVA PRAKTIKO

Kun tiu ĉi numero ni malfermas konstantan rubrikon en nia organo, dediĉitan al nia lingvo. Kiel montras ĝia titolo, ĝia celo estas pritrakti la lingvon de la praktiko. Ni do evitos diskuti tie ĉi pri malgravaj aferoj kaj harfendaĵoj. Nin interesas la lingva praktiko, nome la absoluta esprimpovo de Esperanto sur bazo de la Fundamento de D-ro Zamenhof. Nia atento estos direktata unuavice al la vortaro de nia lingvo kaj ĝia evoluo. Ni deziras kontribui al scienca esploro de nia vorttrezoro por konkordiĝo de la tradukoj en la nacilingvaj vortaroj. Per studo de la faka vortaro, ni deziras precipe helpi al la praktikistoj, bezonantaj la lingvon preta ĉiumomente. Ni kritike ekzamenos aperantajn neologismojn kaj konstatos, ĉu ili ŝajnas enkondukindaj aŭ ne.

La publikigaĵoj de tiu ĉi rubriko estu valora materialo por niaj lingvaj institucioj okaze de oficialigo de aldonoj al la vortaro de Esperanto.

Ni invitas kore al kunlaboro ĉiujn kompetentulojn kaj praktikistojn.

**Fak-esprimoj pri «Armbetono en sur-kaj subtera konstruado».**

Sub tiu ĉi titolo en la numero aŭgusto-septembro 1934 de la « Germana Esperantisto » S-ro Paul Hallensleben, arkitekto en Gera publikigas legindan artikolon pri la utileco okupiĝi pri la faka terminaro. Li atentigas samtempe pri tre valora vortara laboro, farita per traduko de la 8-a volumo de la ilustrita seslingva teknika terminaro de Schlomann (Eldonejo Oldenbourg, Munĥeno). La giganta laboro estas plenumita de S-ro Tiard en Parizo en kunlaboro kun 14 kompetentuloj el 10 nacioj. Estas dezirinde, ke interesitoj kunhelpu al perfektigo de la verko per revizio kaj konsilo.

Ni ekzamenas tie ĉi la novajn terminojn proponatajn de la kompilintoj.

Unue ni devas fari rimarkigon pri la nomo de la branĉo, kies fakterminaro estas prilaborita. Se oni imitas la latinidajn lingvojn, akceptebla formo estas « Betono armita » anstataŭ « Armbetono ». Pli preciza kaj absolute klara estas nur « Fer-betono ».

El la 29 proponitaj novaj vortoj estas praktike uzataj de multaj jaroj, kaj troveblaj en niaj grandaj vortaroj aŭ en la teknikaj terminaroj :

*adheri, dragi, farbo, flanĝo, framo, impoŝto, junto, konzolo, spano, stajo, truso, veldi.*

Duoblaĵoj superfluaj estas la terminoj esprimeblaj per ekzistanta vortmaterialo : almo (steo) baskuli (renversi) humida (malseketa) klinkero (holanda briko), nuto (kanelo) piero (pilastro) solivo (plafonputro), stanĉa (?) akvosekura, strebo (apogtrabeto), streso (streĉo).

Akcepteblaj ŝajnas kiel klaraj perceptaĵoj :

*kalcini* = oksidigi kalk-ŝtonon per varmo (A. burning of lime-stone ; F. calcination de pierres calcaires ; G : Kalkstein brennen ; H : calcinación de piedra caliza. I : combustione della pietra calcare).

*kesono* = fera ĉambreto por laboroj en akvo kun alkonduko de komprimita aero (AFG : caisson ; H : cajon ; I : cassone).

*tampi* = per forto enpenetrigi foston, pilastron a.s. kaj teron mem en la teron. (A : to ram, to tamp ; F : enfoncer (battre) à la sonette, damer ; H : hundir (con el martinete). I : affondare (introdurre colla berta palafitta).

La proponita vorto « rami » kiel sinonimo de « tampi » estas superflua.

Ekzamenotaj estas :

*lomo (lemo ?)* A. Loam ; F. terre grasse ; G. Lehm ; I. barro. H : Argilla.

*ŝlajfi*, A : to grind ; F : meuler, G : (ab)schleifen ; H : afilar, I : molare. Anstataŭ « ŝlajfi » praktikistoj de longe uzas « grindi ». La oficialaj varolistoj de la foiro de Frankfurto a.M. en ĉiuj eldonoj citas i.a. « grindmaŝinoj ».

S-ro Hallensleben proponas plie 2 « novajn » terminojn : skafoldo (A : scaffold(ing) ; F : échaufaudage ; G : Gerüst ; H : andamio ; I : armatura, (implacatura) kaj konstrukcio (AF : construction ; G : Konstruktion, H : construcción, I : costruzione).

La unua ideo estas klare tradukebla per (konstru)-stangaro (-trabaro) ; eventuale la senco de eŝafodo = (trabaro por ekzekut-instalo), estas plilarĝigebla analoge al la naciaj lingvoj, el kiuj devenas la vorto, per uzo de « eŝafodaĵo » (F : échafaudage = scaffolding). La vorto « konstrukcio » delonge estas uzata laŭ la indikita signifo.

R. K.

---

Verona, post vespermanĝo en la vagonaro. Post mallonga halto en la hotelo, oni iros al la Areno por la fama Opera Prezentado, kiu altiras al Verona somere tiom da fremduloj (la Areno estas je libera aero).

Matene la 2-an oni veturos al Lago de Garda per fervojo, poste sur la Lago mem per ŝipeto. Tiu vizito estas unu el la plej laŭdataj de Italujo. Vespere oni revenos al Verona, kie oni tranoktos, kaj matene ĉirkaŭ la 9-a oni daŭrigos al Firenze, kie okazos la *Granda Koncentriĝo.*

La aliĝo entenas kompreneble ĉiujn manĝojn, tranoktojn, la ekskurson sur la Lagon, kaj la Operan Spektaklon.

*Kosto de la Unua Koncentriĝo N. 7:* L. 100.—.

Krozadekskurso N. 55

*Genova kaj Portofino — Rapallo — Santa Margherita —* Tuttaga : 18 aŭg. 1935.

*Post la Kongresa Krozado,* elŝipiĝinte en Génova, oni povos partopreni la libervolan ekskurson, per kiu, en komfortaj aŭtomobiloj, oni vizitos : matene la urbon Génova mem, tagmeze kaj posttagmeze, la ravan Rivieron ĝis Rapallo, Santa Margherita, Portofino (Easta Riviero, aŭ Orienta Riviero). Portofino Maro estas tipa Liguria vilaĝo de fiŝkaptistoj, kiu nestas en tre ĉarma golfeto : tie oni tagmanĝos. Portofino Supraĵo, estas parfuma pinarbaro sur la granda Promontoro, de kie oni admiras ambaŭflanken mirindan vastegan panoramon. — Santa Margherita kaj Rapallo estas luksaj urbetoj, sufiĉe konataj en la tuta mondo laŭfame, neniam sufiĉe vizitataj pro ilia beleco !

La ekskurso N. 55 finiĝas la 18-an vespere je la 18-a horo, ĉe la ĉefa Stacidomo de Génova (Trajnoj forveturas al ĉiu celo, ankaŭ eksterlanden dum la vespero mem).

*Kosto de la Krozadekskurso N. 55:* L. 52.—

La sama Krozadekskurso N. 55, plus la aranĝo en Génova por tranokto la 17-an vespere kaj matenmanĝo la 18-an matene : L. 73.—.

## Sendito kaj ambasadoro

Kia diferenco estas inter la pozicio de ambasadoro kaj tiu de sendito : Dume sendito nur reprezentas sian registaron, ambasadoro estas la persona reprezentanto de l'ŝtatĉefo. Provizora ŝtat-reprezentanto estas nomata aferŝarĝito. La persona reprezentanto de l'papo nomiĝas legato aŭ nuncio. Eksterordinara papa reprezentanto estas nomata ablegato. Mi.

# Bibliografia Servo de UEA

## Novaj libroj 1935

F. von Kunovski, 15,5 × 23,5 cm. 19 pĝ. 2 sv. frk. broŝ. Mit der Wurzelschrift zum Lesen nud Schreiben (Pere de la radika skribo al legado kaj skribado). En kunlaboro kun Stud. Konsilisto D-ro Szymanzig, Dr. Fr. Höke kaj A. J. Christoffels, Eldono de la Aŭtoro. 1934.

Havebla pere de la Esplora rondo. " La nova vojo al la skribo", Jägerhofstr. 17, Elberfeld. (En germana lingvo) (1934-79).

K. Kalocsay, Red. : Dudek Poetoj. Eldonis Literatura Mondo, Budapest. 126 paĝoj. Formato 11 × 14,5 cm. Prezo : broŝ. sv. fr. 2.50, luksa sv. fr. 3.50, bind. sv. fr. 4.— luksa sv. fr. 5.—. Afranko 10%. (1935-1).

Hendrik Adamson : Auli, rakonto pri knabeto. Eldonis Literatura Mondo, Budapest. 86 paĝoj. Formato 13 × 19,5 cm. Prezo : broŝ. sv. fr. 1.60, bind. sv. fr. 3.—. (1935-2).

Jesus Amaya : Esperanto = Hispan-Amerika Vortareto. Eldonis Editorial Lumen Ap. 59. Mejiko. Prezo : sv. fr. 0.45. Paĝoj 104. Formato 10,5 × 12 cm. (1935-3).

Margrethe Noll : Ĉu vi deziras korespondi ? Eldonis Date, Kobenhavn. Paĝoj 12. Formato 11 × 14 cm. Prezo : sv. fr. 0.25. (1935-4).

G. P. Stamatov : Vilao apud la maro kaj en la tombejo. Trad. Kinkemo. Eldonis Ĉina Mondlingva librejo. Pejping. 47 paĝoj. Formato 11,5 × 17 cm. (1935-5).

J. Kriŝnamurti : La problemoj de la vivo. Eldonis Amerika Esperanto-Instituto, Madison. Wis. Usono. 16 paĝoj. Formato 11,5 × 17,5 cm. Prezo : sv. fr. 0.30. (1935-6).

Hugo Steiner : Freude durch Esperanto. Eldonis « Das kleine Volksblatt » Wien II. 96 paĝoj. Formato 13,5 × 18 cm. (1935-7).

Jan Wolski : Ĉu ĝi estas nur fabelo ? Eldonis Eldono de Esperanto Eldon-Kooperativo. Al. Jerozolimskie 101. Varsovio. 157 paĝoj. Formato 21 × 15 cm. (1935-8).

C. Walter : Gaja lernolibro. Dua eldono. Eldonis C. Walter, Graf Spee-Str. 24. Berlin W. 35. 112 paĝoj. Formato 15 × 21 cm. Prezo : sv. fr. 1.50. (1935-9).

Benito Mussolini : Vivo de Arnaldo. Trad. K. Kalocsay. Eldonis Literatura Mondo, Budapest. 106 paĝoj. Formato 13 × 20 cm. Prezo : broŝ. sv. fr. 1.80, bind. sv. fr. 3.30, luksa broŝ. sv. fr. 2.20, tole bind. sv. fr. 4.—. (1935-10).

Karl Froding : Kort Lärobok i Esperanto. Eldonis The American Esperanto-Instituto, Madison. Wis. Usono. 20 paĝoj. Formato 11 × 15 cm. Prezo : sv. fr. 0.10. (1935-11).

## XVI. INTERNACIAJ FLORAJ LUDOJ

La Komitato de la XVI. Internaciaj Floraj Ludoj vin salutas kaj invitas partopreni la jenajn konkursojn.

### Ordinaraj temoj

*Originalaj Tekstoj*

I. Originala versaĵo kantanta *Amon*.

II. Originala Ama verko en prozo.

*Tradukitaj Tekstoj*

I. Traduko de unu el la versaĵoj de la konata kataluna poeto Joan Maragall.

II. Traduko de la kataluna rakonto « Sobre la mandra... », de Prudenci Bertrana.

### Eksterordinaraj temoj

I. Premio de la Urbestraro de Ripoll, 100 pesetoj. Temo : Laŭvola.

II. Premio de la Prezidanto de K.E.F., 50 pesetoj. Temo : Laŭvola.

III. Premio de la Estraro de K.E.F., 50 pesetoj. Temoj : Laŭvola.

IV. Premio de Kataluna Esperantisto. Dumviva abono al la gazeto. Temo : Kiel oni faras bonstilan versan tradukon.

V. Premio de la grupo « Paco kaj Amo », 50 pesetoj. Temo: Laŭvola.

VI. Premio de la grupo «Barcelona Stelo », 50 pesetoj. Temo : Laŭvola.

VII. Premio de « Heroldo de Esperanto » (ankoraŭ difinota) de valoro de proksimume 50 pesetoj. Temo : Laŭvola.

VIII. Premio de « Literatura Mondo », ekzemplero de *Enciklopedio de Esperanto*, ilustrita eldono, bindita en du volumoj. Temo : originala novelo.

IX. Premio de « Literatura Mondo », jarkolekto de 1932. Temo : Originala poemo.

X. Premio de « Literatura Mondo », jarkolekto 1934, Temo : Originala poemo.

XI. Premio de « Esperanta Grupo Vic », 50 pesetoj. Temo: Komedieto kun kvin roloj.

XII. Premio de « Espero Katolika », dujara abono al la gazeto. Temo adekvata al la karaktero de la gazeto.

XIII. Premio de « La Pirato », 50 pesetoj. Temo.: Kion, laŭ internacie aplikata kodo, bonedukita homo ne devas fari, eĉ se li estas petolulo.

XIV. Premio de Esperanto Grupo Ripoll, 50 pesetoj. Temo : « Laŭvola ».

XV. Premio de Casino de Ripoll, 50 pesetoj. Temo « Laŭvola ».

XVI. Premio de « Cooperativa Economica Ripollesa », 50 pesetoj. Temo : Prozo aŭ verso laŭdanta la kunhelpadon.

Novajn premiojn kaj temojn ni anoncos en venontaj numeroj de Kataluna Esperantisto.

### Notoj

I. — La aŭtoroj de la du premiitaj Originalaj tekstoj I-II, kaj tiuj de la du premiitaj Tradukitaj tekstoj I-II, ricevos ekzempleron de *Kataluna Antologio* de Jaume Grau Casas, verko rekompencita de la Esperantista Akademio.

II. — Al la aŭtoro de la plej bona teksto (versaĵo aŭ prozaĵo) el la kvar ordinaraj premiitaj verkoj, la Komitato aljuĝos la *Naturan Floron* kaj la rajton elekti reĝinon de la Festo.

III. — La verkoj konkursontaj devas esti verkitaj en bona Esperanto, kaj ne ankoraŭ eldonitaj.

IV. — La solena Festo de la XVI. Internaciaj Floraj Ludoj okazos en Ripoll dum la XVII-a Kongreso de « Kataluna Esperantista Federacio ».

V. — La manuskriptoj, kiuj portos surskribitan devizon, devas esti ricevitaj antaŭ la 15 de marto de 1935 ĉe la adreso de **Kataluna Esperantisto, Valencia, 245, Barcelona,** kun la jena alskribo : **Sro. Sekretario de la Floraj Ludoj ;** kaj ili estos akompanataj de fermita koverto, kiu surhavos la saman devizon kaj entenos karton kun la nomo kaj adreso de la verkinto.

VI. — La verkoj premiitaj fariĝos propraĵo dum unu jaro de la Komitato de la Floraj Ludoj, kiu zorgos pri ilia publikigo sur Kataluna Esperantisto aŭ aliaj esperantaj gazetoj. Permeson por reprodukto dum tiu unua jaro oni devas peti al la Redakcio de K.E.

VII. — Eventuala aljuĝo de « Subpremioj » nur signifas honoran mencion sen rajto al efektiva premio.

J. A. de Saldanha Carreira, prezidanto ; Maria Elworthy-Posenaer, S. Alberich Jofrè, Eduard Capdevila ; Joan Gili Norta, sekretario.

*PETO AL LA GAZETOJ.* — Ni petas niajn kolegojn, ke ili publikigu nian alvokon por ke la konkurson partoprenu esperantistoj el la tuta mondo.

## HUMORO DE L'MONDO

**(El la rakonta provizo de l'redaktoro)**

**La ne-rekta metodo**

Gvidisto (je la fino de rondirado tra labirinta groto) : Sinjorinoj kaj sinjoroj, vi nun vidis ĉiujn interesaĵojn. Restas al mi nur, montri al vi jene la skeleton de turisto, kiu kredis trovi sola la vojon al la elirejo, por ŝpari la trinkmonon...

**Skota antaŭzorgemo**

Sinjoro Sexton estis urĝe vokinta la kuraciston je dimanĉopostagmezo. La kuracisto rapidegis alporti sian helpon. Kiam li alvenis antaŭ la domo, sro. Sexton jam ĉe la ĝardenpordo akceptis lin, dirante : Kara doktoro, ni alarmis vin iom tro antaŭzorgeme. Ni ja timis, ke nia Elinjo englutis unupencan moneron. Feliĉe ni konstatis dume jam, ke estis nur mantel-butono.

**« La vivo de Kristano »**

Ĉu vi ĉi tie havas « La vion de Kristano » demandis kutima kliento de librejo al la librovendisto. — Ĉu la vivon de Kristano, respondis la junulo ? — Ne, tute ne, Sinjoro. Mi havas hundan vivon ĉi tie kaj pro tio forlasos la butikon la proksiman sabaton.

**Ne intencita efiko**

Iun dimanĉon la sinjoro pastro tramigris la vilaĝeton. Je la arbarrando li renkontis knabeton, al kiu videble mankis naztuko. La pastro afable iris al la knabeto kaj diris al li : Malgrandulo, ĉu vi ne havas naztukon en via poŝo ?

Kaj la knabeto respondis : jes, certe, sed panjo diris al mi, ke mi ne rajtas ĝin pruntedoni.

IMPRIMERIE GRANCHAMP, ANNEMASSE - 85-2-35.